# Esperantisto Slovaka 4/97

## Sendependa gazeto por esperantistoj (ne nur) en Slovakio

Fondita en 1946
de Ernesto Váňa

*Slovenský esperantista, nezávislý časopis pre esperantistov (nie len) na Slovensku*



# Enhavo:



## PARDONPETO

*La redaktoro pardonpetas pro la malfruiĝo (ĉi tiu numero aperas, pro sanproblemoj de la redaktoro, unu monaton malpli frue) kaj deziras al ĉiuj legantoj belan kaj bonan jaron 1998!*

## SUR LA KOVRILO:

*Slovakaj esperantistoj ankaŭ ĉi-jare organizis Sankt-Nikolaan Esperanto-renkontiĝon en Pollando (legu sur la p. 12). Sur la foto: Eva Flašíková kaj Anton Zachariáš.* **Foto: M. Zvara**


**Esperantisto Slovaka**

**N-ro 4/1997**

*Kvaronjara sendependa gazeto de esperantistoj (ne nur) en Slovakio*

*Aperas fine de la koncerna jarkvarono*

*Fondita en 1946 de Ernesto Váňa*

**REDAKCIO:**
Stano Marĉek
Zvolenská 15, 036 01 Martin
Slovakio

**Telefona numero:**
+421 842 222 788

**Retadresoj:**
redakcio@esperantisto.sk
aŭ: marcek@esperanto.sk
http://www.esperantisto.sk
http://www.esperanto.sk

**ABONEBLA:**
En la redakcio

**ABONKOTIZO:**
Libervola mondonaco almenaŭ unufoje jare al la adreso de la redakcio (perpoŝte, en reg. letero, ĉeke, en validaj poŝtmarkoj, aŭ al UEA—konto: stma-a). Informoj pri la alvenintaj mondonacoj aperas sur la antaŭlasta paĝo.

**ANONCTARIFOJ:**
Privataj (korespond-)anoncoj senpagaj, komercaj anoncoj post interkonsento

**REDAKTA KOLEGIO:**
libera, bonvenas ĉiu interesa kontribuaĵo, foto, ilustraĵo kaj ideo.


**Esperantisto Slovaka**

# Esperantaj literaturo kaj historio

**Laŭ la laborplano de SKEF por la jaro 1997 organizis MEL kvarpartan ciklon da seminarioj pri Esperantaj literaturo kaj historio. Celo de la seminarioj estis eduki lektorojn de Esperantaj literaturo kaj historio, kiuj laboros en Esperanto-kluboj.**

La seminarioj okazis en Liptovský Ján apud Liptovský Mikuláš, en la pensiono „U Grečnera". La programo dum la kvar vendredaj kaj sabataj vesperoj estis riĉigita per projekciado de koloraj lumbildoj el antaŭaj E-renkontiĝoj kaj per amika babilado.

**La unua seminario** okazis de la 11-a ĝis la 12-a de oktobro 1997. Enkonduke prof. E. V. Tvarožek prezentis prelegon pri *Lingva diskriminacio*. Poste la sama preleganto prelegis pri la *Monda Esperanto-literaturo* (unua, dua kaj tria periodoj). Pri *Multlingveco en la historio* inĝ. Juraj Gondžúr prezentis prelegon de inĝ. V. Němec, kiu pro malsano ne povis prelegi. Dum la prelego estis al la partoprenantoj prezentitaj *Planlingvoj antaŭ Esperanto, Kreo de Esperanto, Vivo de Zamenhof kaj Planlingvoj en la 20-a jarcento*. Dum la seminario kunvenis Konsilantaro de SKEF. La seminarion partoprenis 19 esperantistoj.

**La dua seminario** okazis de la 25-a ĝis la 26-a de oktobro 1997. Pri *La nuntempa Esperanta literaturo* prelegis prof. E. V. Tvarožek. Inĝ. J. Vajs prelegis pri *Albert Ŝkarvan, Vladimír Krivoss-Nemaniĉ* kaj pri *Tibor Sekelj*. Inĝ. Milan Zvara prelegis pri la *Esperanto-movado* en la jenaj periodoj: *Esperanto-movado ĝis la 1-a mondmilito* (1887 - 1918), *E-movado inter la du mondmilitoj* (1919 - 1945), *E-movado post la dua mondmilito* (1945 - 1989) kaj *La nuntempa E-movado* (post la jaro 1990). La seminarion partoprenis 16 esperantistoj.

**La tria seminario** okazis dum la 15-a kaj 16-a de novembro 1997. Pri *Esperanta literaturo* prelegis d-rino Magda Ŝaturová. Ŝi tre interese parolis pri la vivo kaj verko de slovakaj esperantistaj verkistoj: *J. V. Dolinský, A. Váňa, P. Rosa, Ŝ. Seeman* kaj aliaj. La sama aŭtorino prelegis ankaŭ pri la riĉa historio de *E-movado en Bratislava*. Inĝ. Milan Zvara prelegis pri *Esperanto-movado en Slovakio de la komenco ĝis la jaro 1956*. Dum la seminario oni diskutis ankaŭ pri la planata partopreno en la Universala Kongreso de Esperanto en Montpelliér en 1998. La seminarion partoprenis 21 esperantistoj.

**La kvara seminario** okazis de la 29-a ĝis la 30-a de novembro 1997. La prelegon pri *Esperanta literaturo* prezentis prof. E. V. Tvarožek. El la partoprenantoj prelegis inĝ. Darina Hofereková pri *La rusa blinda verkisto Jeroŝenko*. Pri *La historio de Esperanto-movado en Slovakio inter la jaroj 1956 kaj 1997* prelegis inĝ. Ján Vajs. Pri *La historio de E-movado en Orientslovakia regiono* parolis inĝ. M. Zvara kaj pri *La historio de E-movado en Mezslovakia regiono* inĝ. J. Vajs. Pri *Historio de lokaj E-kluboj* prelegis Maria Tomaŝoviĉová (Nové Mesto nad Váhom) kaj Vladimír Surovĉek (Liptovský Hrádok). La nuntempan situacion kaj perspektivojn en Esperanto-movado en Slovakio prezentis inĝ. Ján Vajs (*Principoj de SKEF*) kaj inĝ. Juraj Gondžúr (*Situacio en SKEF* kaj *Agadplano de SKEF por la jaro 1998*). Ekster la programo sinjoro Kjell Sellin el Norvegio prelegis pri sia agado en Slovakio kaj pri *Akademio Internacia de Sciencoj*. La seminarion partoprenis 19 esperantistoj. Dum la lasta seminario kunvenis Estraro de SKEF kaj Estraro de MEL.

La seminariojn, kiuj plenumis la



**Sur la foto:** *Aŭtora vespero kun Eduard V. Tvarožek, la 10-an de oktobro 1997 en Liptovský Mikulâŝ. De maldekstre: inĝ. Ján Vajs, prof. Eduard Vladimír Tvarožek kaj inĝ. Darina Hofereková.* **Foto: V. Ŝkuta**



**Aŭtora vespero de d-rino Magda Ŝaturová la 14-an de novembro 1997. De maldekstre: Mária Tomaŝoviĉová, Magda Ŝaturová kaj Darina Hofereková.**

*Foto: J. Vajs*

celojn, partoprenis 31 esperantistoj el la tuta Slovakio kaj unu el Norvegio. La partoprenantoj foriris hejmen kun riĉaj scioj pri la Esperantaj historio kaj literaturo. La seminarioj malkovris ankaŭ „blankajn lokojn" en niaj scioj pri la historio de slovaka Esperanto-movado kaj la partoprenantoj konstatis, ke la nova juna generacio de Esperantaj verkistoj laŭ la eldonitaj verkoj fakte ne ekzistas.

## Aŭtoraj vesperoj

Enkadre de la seminarioj pri Esperantaj historio kaj literaturo organizis Liptova Esperanto-Klubo (LEK), kunlabore kun Slovakia Esperanta Federacio (SKEF) *Aŭtorajn vesperojn*, kies celo estis alproksimigi la nuntempajn Esperantajn aŭtorojn al la publkio. Ĉiuj kvar aŭtoraj vesperoj okazis en agrable ekipita subtegmenta ejo de la Biblioteko de G. F. Belopotocký en Liptovský Mikuláŝ.

Aŭtora vespero de **Eduard Vladimír Tvarožek** okazis la 10-an de oktobro 1997. Prelegon pri la vivo kaj verko de la aŭtoro prezentis inĝ. Ján Vajs, kiu detale parolis pri la Esperanta verkaro de la aŭtoro. Post mallonga alparolo de la aŭtoro mem, daŭris vespero kun demandoj kaj respondoj pri la vivo de la aŭtoro, pri liaj rilatoj al Esperanto kaj aliaj interesaj temoj. En la biblioteko estis instalita malgranda ekspozicio kun la verkoj de E. V. Tvarožek. Partoprenis 28 esperantistoj kaj neesperantistoj.

Dum la dua aŭtora vespero sidis sur la seĝo de gastoj **inĝ. Milan Zvara.** Pri liaj verko kaj vivo prelegis inĝ. Ján Vajs. Krom la "verda vivo" de Milan Zvara oni povis aŭdi interesajn faktojn pri lia laboro sur la kampo de naturprotektado kaj pri liaj eksterlandaj vojaĝoj.

En malgranda ekspozicio la partoprenintoj povis vidi ankaŭ librojn pri fungoj, kies aŭtoro li estas. Post longa babilado la aŭtoro projekciis kolorajn lumbildojn el la naturo. La aŭtoran vesperon partoprenis 16 interesiĝantoj.

D-rino **Magda Ŝaturová** ravis la aŭskultantojn per vitaleco kaj saĝeco dum la tria aŭtora vespero. Ĉefajn faktojn pri la vivo kaj verko de la aŭtorino prelegis Mária Tomaŝoviĉová. La partoprenantoj eksciis pri ŝia laboro kaj la Esperanta vivo. Magda Ŝaturová detale parolis pri Slovaka Antologio, pri la traduka kaj redakta laboroj . Viva babilado daŭris ĝis malfrua vespero. La prelegon partoprenis 23 interesiĝantoj.

La lastan aŭtoran vesperon en la biblioteko partoprenis 20 partoprenantoj, kiuj povis persone konatiĝi kun **inĝ. Vladimír Němec**. Prelegon pri liaj vivo kaj verko preparis Miroslav Valášek, kiu parolis ĉefe pri la scienca verkado de inĝ. Němec. Tre interese estis aŭdi pri lia organiza laboro en la E-movado. Vlado Němec dum la diskuto parolis ankaŭ pri la influo de Esperanto al lia familia vivo kaj pri la feliĉo, kiun alportis al li Esperanto.

La kvar aŭtorajn vesperojn kun sentemo vortakompanis Inĝ. Darina Hofereková. Krom esperantistoj, kiuj partoprenis la seminariojn, la programon ĉeestis ankaŭ eks- kaj neesperantistoj el Liptova regiono. La aŭtorajn vesperojn oni povis organizi dank' al interkonsento inter la Biblioteko de G. F. Belopotocký kaj Liptova E-klubo. La partoprenantoj de la vesperoj konstatis, ke estus bone, se en Slovakio funkcius pluraj bibliotekoj kun Esperanta literaturo.

**Por Esperantisto Slovaka**
**Inĝ. Ján Vajs**



## SKEF-KONSILANTARO INFORMAS

Dum la monatŝanĝo de majo kaj junio ĉi-jare ekestis en la vilaĝo Pribylina tutslovakia E-organizaĵo Slovakia Esperanta Federacio. Ĝi tuj ekde sia naskiĝo komencis labori; ankoraŭ en Pribylina okazis la unua kunsido de la konsilantaro kaj en oktobro ĝi kunsidis la duan fojon. Al la unuaj taskoj de la konsilantaro apartenis registrigi la organizaĵon ĉe Ministerio de internaj aferoj kaj prepari laborplanon kaj kalendaron de SKEF-aranĝoj. La plej gravaj taskoj estis plenumitaj. Krome la konsilantaro disdonis taskojn al unuopaj regionaj fondorganizaĵoj, t.e. Esperanta Societo '95 Bratislava, Mezslovakia Esperanto-Ligo Žilina kaj Esperanto, Regiona Societo Poprad, kiuj estas membroj de la federacio. Principo de la laboro de SKEF estas, ke ĝi nur tegmentas kaj koordinas unuopajn regionajn membrojn. SKEF do ne havas unuopajn membrojn, nur kolektivajn — regionajn. Ĝis nun temas pri tri fondoorganizaĵoj, sed ni jam scias pri ekesto de la nova, Okcidentslovakia E-organizaĵo, kiu verŝajne printempe aliĝos al SKEF.

**L. Fedorová, sekretariino de SKEF**

## SLOVAKA TELEVIDO PRI ESPERANTO

Slovaka ŝtata televido elsendis la 5-an de novembro subvespere sur la dua programo elsendon pri d-ro Vŝevlad Jozef Gajdoŝ, slovaka franciskana pastro, grava historiisto kaj lingvisto-slavisto. Inter liaj hobioj estis menciita lia granda intereso pri Esperanto.

**M. Malovec**

## FORPASIS ALOJZ LUTONSKÝ (1905-1997)

**La 19-an de julio 1997 estis en Vrbica (L. Mikuláŝ) entombigita elstara esperantisto kaj propagandisto Alojz Lutonský. Li iniciatis fondiĝon de la EK en L. Mikuláŝ, E-memortabulon kaj memorŝtonon sur la naskiĝdomo kaj tombo de Alberto Ŝkarvan, la nomon Hotelo Esperanto en Pribylina k.s. La publiko konas lin kiel speleologon-sciencistón, kunfondinton de la gazeto Krásy Slovenska (Belecoj de Slovakio), direktoron de Literatur-historia muzeo en L. Mikuláŝ, iniciatinton kaj konstruinton de la lifto en Jasná kaj la „patron" de Jasná mem (li tiel nomumis parton de Demänov-valo). Ni dediĉu rememoron al ĉi elstara homo.**

## ROMANTIKA RENKONTIĜO

Al la plej aktivaj E-kluboj en Slovakio certe apartenas la E-klubo en Žilina. En la tagoj 3.-5.10.1997 ĝi organizis aŭtunan renkontiĝon en altlerneja kabanego en Bránická Dolina en la montaro Malgranda Fatro, al kiu estis invititaj ankaŭ anoj de la E-klubo en Ostrava-Poruba (Moravio). Jam vendrede posttagmeze estis videblaj antaŭ la kabano dek aŭtomobiloj kaj unu Trabanto de Ostravanoj. En bele ekipita kabanego eksonis Esperanto. Venis ankaŭ komitatanoj de la nove fondita Slovakia Esperanta Federacio, kiuj fronte kun la prezidanto Gondžúr senŝeligis kaj bakis terpomojn, por gastigi la ĉeestantojn (por ni ĝis nun nevidita afero).

Dum la vespero oni projekciis diapozitivojn de la pasintaj SAT-kongresoj. Sabate matene ĉiuj 30 ĉeestantoj veturis per aŭtomobiloj al Vrátna-valo. Ĉar ne funkciis la montara lifto, la ekskursantoj piede grimpis al pli ol milmetra, jam per neĝo kovrita montopinto kaj marŝis en la neĝo plu. Ili pruvis la perfektan fizikan staton de esperantistoj. Antaŭvespere post reveno al la kabano jam salutis ilin bonodoro de tipe slovake preparita brasika supo „kapustnica". Projekciado de diapozitivoj de ĉi-jaraj E-aranĝoj, kantado, babilado ĉe teo kaj vino daŭris ĝis malfrua nokta horo. Post longa tempo renkontiĝis geamikoj. Dimanĉe antaŭtagmeze oni jam ripozis kaj planis belan esperantistan estontecon. Žilinanoj estas bonaj organizantoj kaj en nomo de niaj klubanoj mi dankas al ili por la bela renkontiĝo.

**Vlado Sládeček, Ostrava**

## VENU AL ŽILINA

En la tagoj 21.-23.8.1998 okazos en Žilina 1-a Renkontiĝo de ĉeĥaj kaj slovakaj katolikaj esperantistoj. La renkontiĝo okazos sub la devizo **Por ke ĉiuj estu unu.** La organizanto estas Loka IKUE-grupo en Žilina.

Al la renkontiĝo estas invitataj ankaŭ kredantoj de aliaj konfesioj kaj nekredantoj. Bonvenaj estas ankaŭ alilandanoj.

En la programo oni antaŭvidas komunan traktadon, kunsidojn de landaj sekcioj de IKUE, s-tan meson en Esperanto, prelegojn pri la temo *Por ke ĉiuj estu unu*, kulturan programon kaj busan ekskurson al la pilgrimloko Rajecká Lesná kun pilgrima preĝejo de la naskiĝo de Virgulino Maria, Frivalda kalvario, Lurda Kapeleto kaj kuracakva fonto. Apud la pilgrima preĝejo situas konstruaĵo kun konstanta ekspozicio de fama slovaka Betleĥemo kun moviĝantaj figuroj, kiu estis finpretigita en 1997 kaj kies dimensioj estas 8,5x3x2m.

La partoprenkotizo 440,-Sk inkluzivas du tranoktojn, nutradon de vendreda vespermanĝo ĝis dimanĉa tagmanĝo, busan ekskurson al Rajecká Lesná kaj organizajn elspezojn.

Invitilojn kaj aliĝilojn petu ĉe: inĝ. Vladimír Němec, Zvolenská 5, 010 08 Žilina. Limdato por la aliĝo: 30.6.1998.

**- vln -**

**La 13-an de decembro 1997 okazis en Trnava fonda konferenco de Okcidentslovakia Esperanta Societo. Iniciatis ĝin membroj de la iama komitato de OSE (Okcidentslovakiaj Esperantistoj), kiu en julio1997 finis sian laboron enkadre de ESO '95 kaj transformiĝis en Preparkomitaton de OSES.**

## PREPARKOMITATO

Preparkomitato por Okcidentslovakia Esperanta Societo (gesanoj Ĉambál, Geleta, Pálfyová, Poboĉek kaj Rehuŝová) renkontiĝis la 4-an de oktobro 1997 en Trnava. Dum la kunsido la preparkomitato akceptis kaj solvis plurajn gravajn taskojn por prepari bonajn kondiĉojn por la fondo de Okcidentslovakia Esperanta Societo.

La plej grandan spacon ili dediĉis al „Malfermita letero", kiun aŭtoris la prezidanto s-ano Ĉambál, antaŭ ĝia dissendo al plurcento da adresoj de la potencialaj membroj. La malfermita letero parte priskribas kialojn pri la disfalo de SEA kaj la sekvan fondon de la nova Slovakia Esperanta Federacio. Ĝia celo estas ekkoni intereson pri bezono de la proponata organizaĵo de esperantistoj en Okcidenta Slovakio.

La sekvan kunsidon de la preparkomitato oni fiksis al la 15-a de novembro kaj la fondan konferencon de OSES al la 13-a de decembro 1997, por ke la fondota organizaĵo povu eklabori ekde januaro 1998 kaj samtempe aliĝi al SKEF.

Krom la nova OSES ekzistis en Slovakio tri teritoriaj organizaĵoj: „ERS" en Poprad, kiu grupigas precipe orientslovakiajn esperantistojn, „MEL" por mezslovakia regiono kaj „OSE '95", kiu funkciis por Bratislava kaj parte ankaŭ por Okcidenta Slovakio.

Do ĉiu esperantisto nun havos la eblecon partopreni en kiu ajn el la menciitaj organizaĵoj, kiujn kordinas tutslovakia organizaĵo — Slovakia Esperanta Federacio.

**Mária Tomaŝoviĉová,**
**Nové Mesto n. Váhom**

## EL LA LETERO DE LA PREZIDANTO

### Estimataj funkciuloj,

*kun ĝojo mi informas vin, ke la 13-an de decembro 1997 estis en Trnava fondita Okcidentslovakia Esperanta Societo — OSES. Mia ĝojo estas des pli granda, ĉar ĝis la hodiaŭa tago al OSES skribe aliĝis 49 esperantistoj, kio laŭ mia opinio ne estos la lasta numero.*

*Dum la fonda konferenco estis aprobita statuto de OSES kaj akceptita plano de agado kaj programaj celoj por la jaroj 1998-2000. Grava programero estis ankaŭ aprobo de la propono pri aliĝo de OSES al SKEF.*

*Post la komenca sukceso ni tuj komence de la nova jaro 1998 eklaboros por revivigi la movadon en nia teritorio. En tiuj ĉi intencoj ni bezonas ankaŭ vian helpon kaj subtenon, ĉar ni ne volas inventi ion, kion vi jam eventuale praktikas...*

*Fine restas al mi nenio alia ol sincere danki al vi kaj deziri al vi por la nova jaro 1998 fortan sanon kaj ĉion bonan en via privata vivo kaj prosperon en nia komuna laboro.*

*Kun amikaj salutoj*

**Augustín Ĉambál**

(*El letero al E-funkciuloj, mallongigita.)




## RAPORTO PRI LA FONDIĜO DE „OSES"

La 13-an de decembro 1997 ni konferencis en Trnava, kie ni fondiĝis, kaj iĝos jura persono.

### Jen la rezulto:

*Prezidanto:*
Augustín Ĉambál
*Vicprezidanto:*
Ernesto Geleta
*Sekretariino:*
Zlatica Pálfyová
*Kasistino:*
Ľubica Rehusová
*Kontrolanto:*
František Poboĉek
*Nia nomo:*
OSES (Okcidentslovakia Esperanta Societo).
*Nia celo:*
aliĝo al Slovakia Esperanta Federacio (SKEF).

## Aldono al la komenco de nia historio

Jam ĉe la enirpordo forta „krokodilo" decidis pri la lingvouzo dum la kunsido. Post la longa, detala informo de s-ano Ĉambál, s-ano Geleta provis ekuzi Esperanton, sed vidante ke unu s-ino preparas sin al la foriro, li eknacilingvis kaj la nombro restis.

***

Kiel la unua ordono de nia prezidanto (unuanime elektita) eksonis la jenaj vortoj: „Geleta! Vi skribos raporton por Esperantisto

Slovaka!" — Jen do ĝi estas.

***

Antaŭ fino de la kunveno meritplena s-ino (onidire pere de ŝi oni povas atingi s-ron Čambál telefone, laŭ sekretaj subtablaj suflor-klaĉoj; eble ŝi iĝos komitatanino), levis sin kaj forlasis nin.

Ŝi ekstaris ĉe la pordo kaj laŭte, dolĉvoĉe deziris al ni ĉiuj: „Dovidenia!" S-ano Geleta kriante resalutis ŝin, dirante: „Ĝis revido!"

Ŝi, neniam aŭdinte ĉi strangajn vortojn, akre rekriis: „Mi ne komprenas hungare!"

Tamen la nivelo estis alta, „suretaĝa". Poste sekvis amuzo, trinkado el Coca-Cola-a glaso (de 52-grada trinkaĵo) ktp... Nia devizo: „Ek al laboro!"

***

Finfine naskiĝis jena, centprocente ritma, rima ĝoj-kanto, kantebla laŭ la konata melodio: Verda estas, verda estas nia stelo. Ni fondiĝis, ni fondiĝis, ni fondiĝis...

Elkore via

**Prof. Ernesto Geleta, Nové Zámky**

## AGADPLANO DE OSES

1. La 24-an (31-an) de januaro 1998 okazigi estrarkunsidon por konkretigi taskojn el la fonda konferenco.
2. Ĝis la 31-a de januaro 1998 registrigi OSES ĉe ministerio de internaj aferoj.
3. Ĝis fino de februaro 1998 aliĝi al Slovakia Esperanta Federacio.
4. Ĝis fino de februaro '98 prepari nomliston de la OSES-membroj.
5. En marto 1998 okazigi en Dunajská Streda grandan bazaron, kie okazos vendado, aĉetado, interŝanĝo kaj donacoj de Esperantaj literaturo, memoraĵoj kaj kolektaĵoj.
6. En majo 1998 okazigi la jam tradician EMAKAROn sur Bradlo, okaze de la 79-jara datreveno de la morto de M. R. Štefánik.
7. En majo 1998 partopreni la SKEF-konferencon en Košice, antaŭ ĝi okazigi OSES-konferencon.
8. En septembro 1998 okazigi en Nové Zámky la tradician danubian E-renkontiĝon ECEDORO, kun ekspozicioj de E-kolektaĵoj kaj vizito de akvofaloj.
9. En oktobro 1998 okazigi en Nitra E-renkontiĝon ESUZORO kun ekspozicio de gazet-eltranĉaĵoj pri Esperanto, vizito de la monto Zobor kaj la urbo Nitra.




10. En decembro '98 en Bratislava-Rača okazigi Sankt-Nikolaan E-renkontiĝon ENIKORO, kun vizito de vinfabrikoj kaj amuza vespero.
11. En 1998, resp. en 1999 okazigi E-renkontiĝojn kun filmprojekciado de: 8-milimetra filmo pri la 10-a SEA-kongreso en Nitra (1987), videofilmo pri EMAKARO '85 en Šaštín kaj videofilmo pri la UK en Prago (1996).
12. En 1999 kaj en la postaj jaroj daŭrigi similajn renkontiĝojn en ĉiuj regionoj de OSES, ekz. en Nové Mesto nad Váhom - Burgo de Čachtice, Trenčín - Burgo de Trenčín, Senica - Burgo de Branĉ, Banloko Piešťany, Burgo de Smolenice kaj la groto Driny, Burgo Červený Kameň Pezinok - Baba-kabano, Bratislava - Devín, Mariánka - Stupava, Myjava, renovigi la E—renkontiĝojn en slovakia-moravia limo en Vrbovce (U Sabotov) - vizito de la ventmuelejo k.s.

## La programceloj

rezultas el la statutaj taskoj de OSES: vastigi la intereson pri la internacia lingvo Esperanto, pri ĝiaj multflanka eluzado kaj aplikado en komunikado, subtenante agadojn direktantajn al ĉi celo, per instruado de Esperanto kaj kvalitigo de la komunikado.

Orientante sin al siaj bazaj principoj OSES fokusigos siajn aktivecojn dum la sekvaj tri jaroj al ĉi celoj:

1. Vastigi la membrobazon tiel, ke en ĉiu distrikto estu almenaŭ unu membro.
2. Propagandi Esperanton en amaskomunikiloj: gazetaro, radio kaj televido.
3. Eldonadi propagandajn kaj metodikajn materialojn kaj helpilojn.
4. Fondi klubojn, interesgrupojn kaj sekciojn, ekz. la junularan, turisman k.s.
5. Krei reton de regionaj, resp. distriktaj perantoj REPE kaj DIPE.
6. Eldonadi regule aŭ laŭ bezonoj kaj eblecoj informe-propagandan bultenon por la membroj.
7. Prepari organizajn kaj personajn kondiĉojn por realigado de:
   a) korespondaj kursoj de Esperanto,
   b) somera, resp. vintra E-lernejo.
8. Ligi kunlaboron kun SKEF kaj la aliaj teritoriaj E-organizaĵoj en Slovakio kaj kun la redakcio de Esperantisto Slovaka por interŝanĝi spertojn kaj koordini diversajn Esperanto-aranĝojn.

**(Laŭ ricevitaj materialoj)**

# Pri fungoj en Esperanto - jubilee!

**Mikologiaj seminarioj de esperantistoj en Poprad okazas jam tradicie ĉiujare. La seminario en 1997, kiu okazis de la 10-a ĝis la 14-a de septembro, estis tamen elstara: ĝi estis la jubilea 10-a Mikologia Seminario en Poprad — Spiŝská Sobota.**

La programo de la seminario estis jena: terminologia laboro pri fungoj, praktika fungokolektado en subtatraj arbaroj, preparo de diversaj fungomanĝaĵoj kaj projekciado de diapozitivoj pri fungoj.

La mikologian seminarion partoprenis esperantistoj el Francio, Italio, Germanio kaj Slovakio. Entute nur 15 personoj, sed tamen internacia societo (*inkluzive la redaktoron de ES, rim. de la red.).

Mikologia seminario en septembro '97 estis jubilea: Esperantistoj—fungoŝatantoj renkontiĝas ĉiujare jam ekde la jaro 1988. La ĉefa celo de la jubilea renkontiĝo estis klopodo trovi kaj proponi konvenajn Esperantajn nociojn por unuopaj specioj de manĝeblaj fungoj kaj specoj similaj al ili.

Ni ŝatus ricevi kontaktadresojn de esperantistoj, kiuj havas intereson pri mikologio. La leterojn adresu al: ESPERANTO, Sobotské nám. 36, SK-058 01 Poprad, Slovakio.

**Inĝ. Milan Zvara**



▲ *Partoprenantoj de la seminario elaŭtiĝas ĉe arbaro antaŭ la fungo-kolektado.*
**Foto:** *Milan Zvara ĉe la vilaĝo Šuňava.*

▼ *Boleto nobla kverka (Boletus reticulatis). Specio, kiu estas ŝate kolektata por sekigado kaj preparo de diversaj manĝaĵoj.*
**Foto:** *Milan Zvara ĉe Bardejov.*



## KIA ESTIS LA SEZONO 1997?

Kun alveno de daŭraj frostoj finiĝas la sezono por fungokolektantoj. Nur la plej bonaj fakuloj iam-tiam eĉ dum vintro kolektas en la naturo desur malnovaj falfoliaj arboj pleŭrotojn aŭ hirneolojn.

La sezono ne plenumis niajn esperojn post la abundaj printempaj pluvoj. Sed tio ne validas ĝenerale, estis regionoj, kie en certaj periodoj fungoj kreskis, eĉ malavare. Al tiaj regionoj apartenis precipe Orava kaj Kysuce, senpere post la inundoj, sed ankaŭ Liptov kaj norda parto de Orienta Slovakio. Ĝenerale oni povas konstati, ke norde la funga sezono estis pli bona kaj validis, ke ju pli suden, des malpli da fungoj kreskis. Slovakan Karstmontaron kaj la sudan parton de Slovakio pluvoj frusomere evitadis, iomete fungoj tie kreskis — iomete cetere fungoj


Ombrelfungo granda

ĉiam kreskas — tamen temis pri avara rikolto.

Ekde printempo, kiam komencis kreski morkelaj fungoj, estis la sezono tre malekvilibra, tre malfacile estis antaŭvidi, kien iri kaj kio tie kreskos. Eĉ la plej „elpruvitaj" lokoj, kiel ekz. Záhorie, estis malfidindaj.

Definitive do ekregis vintro kaj se ne okazos drastaj veterŝanĝoj, la „funga sezono" finiĝis. Bona fungokolektanto tamen eĉ en vintro ne ripozas: li studas fakan literaturon, provas novajn receptojn el la kolektitaj kaj konservitaj fungoj kaj se estas taŭga vetero, li vizitas arbarojn kaj serĉas lokojn, kiujn li printempe vizitos.

## BOLETO NOBLA PICEA

apartenas al la pleje serĉataj kaj ŝatataj fungoj kaj estas parenca kun aliaj specioj de boletoj. Ĉiuj havas blankan fungokarnon, kiu post tranĉo ŝanĝas la koloron. De la boleto nobla kverka ĝi diferencas dum humida vetero per modere mukoza ĉapelo kaj blanka reto en supra parto de la stipo. Boleto nobla pina havas malpli helan, malglatan ĉapelon kaj maldelikatan brunan reton ĝis malsupro de la stipo.

Atentu la eblan eraran interŝanĝon kun nemanĝebla kaj amara boleto gala, kiu la boleton noblan picean iam nedistingeble similas. Ununura fungo povas malvalorigi la tutan fungan manĝaĵon. Maturaj boletoj galaj havas lamelojn en formo de rozkoloraj tubetoj, kiuj post premo bruniĝas.

La t. n. „blankaj boletoj" estas plej taŭgaj por sekigado, ĉar nur tiam ili akiras la ĝustan kaj neanstataŭeblan fungan aromon. Provu ankaŭ frititajn kverkajn boletojn: ĉapelojn de grandaj boletoj tranĉu je platoj 1 cm dikaj, kovru per pasteto (faruno, ovo, paneroj)



kaj fritu. La fungojn salu senpere antaŭ la kovro, alikaze ili ellasas sukon kaj la kovraĵo forfalos.


Pleŭroto

## PLEŬROTO

La supra idilia bildo evidente dukumentas rezistemon de ĉi belega kaj bongusta fungo kontraŭ vintraj frostoj. Domaĝe, ke en niaj arbaroj ĝi estas pli kaj pli rara, eble pro tio, ke mankas malnovaj mortaj falfoliaj arbotrunkoj, lasitaj en la arbaro al la destino. Se vi ie trovos tufon da pleŭrotoj, vi povas vizitadi tiun lokon jaron post jaro, pleŭroto preskaŭ certe kreskados tie ĝis ĝi elĉerpos la substraton.

## OMBRELFUNGO GRANDA

Ĝi apartenas al la plej okulfrapaj fungoj de la arbaro pro la grandeco. Iliaj korpoj atingas ofte la altecon de 30-40 cm kun la sama diametro! La tuta fungokorpo havas malhelbrunan aŭ kreman koloron


Boleto nobla picea

kun pli malhelaj, maldelikataj kaj disstarantaj skvamoj. Grava distingilo estas ringo sub la ĉapelo, kiu estas libera kaj oni povas movi ĝin supren-malsupren.

Ombrelfungo granda estas parenca al ombrelfungo ruĝiĝanta, kies fungokarno post premo ruĝiĝas. Temas pri tre bongustaj kaj manĝeblaj fungoj. Oni konsumas nur ĉapelojn, la stipoj estas tro malmolaj. Bonegan guston *ili* havas kovritaj per pasteto kaj frititaj. *Sekigitajn ombrelfungojn oni* rekomendas polvigi kaj la polvon uzi por bongustigi manĝaĵojn.

## LAKTOFUNGO

Laktofungoj apartenas al la plej *bongustaj aŭtunaj fungoj*. De la ceteraj nemanĝeblaj laktarioj ĉiuj manĝeblaj laktofungoj diferencas per oranĝkolora, karotsukeca lakto, kiun enhavas ankaŭ laktofungo delikata kaj laktofungo pina, kiuj kreskas sub pinoj, laktofungo oranĝa, kiu kreskas sub abioj kaj laktofungo sangoflua, kies suko estas sangruĝa. Ĉiuj specioj de laktofungoj kun oranĝkolora kaj ruĝa „lakto" estas manĝeblaj kaj bongustaj.


Laktofungo

## AMANITO VERDA (mortiga)

*estas nia plej danĝera venena* fungo, kiu estas kaŭzo de la plej multaj fungoveneniĝoj en Eŭropo, ofte finiĝantaj per morto. Gravaj disting-signoj estas verda koloro de la ĉapelo (tamen ĝi povas esti bruneca aŭ eĉ blanka), ĉiamblankaj lameloj, sur la stipo estas ringo, kiu iam povas forfali kaj sur la stipbazo granda kaj okulfrapa ingo, nomata ankaŭ „pokalo de morto" (atentu, ĝi povas esti kaŝita en herbo!).

## AMANITO RUĜA (muŝfungo)

Unu el niaj plej belaj kaj plej okulfrapaj fungoj, kies veneneco estas ofte troigata. Ĝi kaŭzas moderajn kaj mezajn toksiĝojn, kiuj similas al toksiĝoj de alkoholo (vizioj, halucinoj, delirio). Vikingoj uzadis ĝin por kuraĝiĝi antaŭ bataloj.

La ĉapelo kun diametro 5-20 cm estas oranĝ- ĝis brilruĝ-kolora kun blankaj „punktoj". La lameloj estas blankaj, same la stipo kun klara ringo. Parenca al amanito ruĝa estas amanito reĝa (oranĝfungo, amanito de la cezaroj), kiu estas pli rara, la ĉapelo havas okran koloron kaj la pulpon ĝi havas post tranĉo, precipe sub ŝelo de la ĉapelo, flavkoloran.

**Kompilis kaj tradukis: Stano Marĉek**



Amanito verda mortiga


Amanito ruĝa (muŝfungo)


Amanito pantera

# Tradicia Silvestra Balo

**Ĉiujare organizas Esperanto, Regiona Societo en Poprad (Spiŝská Sobota) jarfinan feston - Silvestran Balon. Ĝi jam fariĝis tradicia kaj internacia renkontiĝo de esperantistoj.**

**Akaŭ nun en la lasta tago de la pasinta jaro renkontiĝis esperantistoj kaj favorantoj de Esperanto el la siberiaj urboj Tjumen kaj Jekaterinburg, el la eŭropa parto de Ruslando — Moskvo kaj Niĵnij Novgorod, el la latva urbo Riga kaj el Pollando el la urboj Bydgoszcz, Varsovio kaj Kalisz. Slovakion reprezentis gastoj el Bratislava, Koŝice kaj Poprad.**

**Amika kaj amuza etoso en la restoracio Červený mak (Ruĝa Papavo) estis specifa ĉefe pro tio, ke ni tostis jam je la 20-a horo honore al Siberianoj, je la 22-a horo al Moskvanoj, je la 23-a horo honore al Latvoj kaj noktomeze bonvenigis la Novan Jaron Slovakoj kaj ĉiuj gastoj. Dancado kaj amuzado daŭris ĝis la sesa horo matene. Multaj gastoj restis en Poprad pli longe, sed bedaŭrinde la skiterenoj estis nesufiĉe kovritaj per neĝtavolo.**

**Milan Zvara**



# SKEF-KALENDARO POR LA JARO 1998

## KALENDARO DE E-ARANĜOJ DE SLOVAKIA ESPERANTA FEDERACIO

Esperantisto Slovaka

**9. - 11. 1. 1998, Liptovský Ján (MEL)**
Vintra grimpado al la montopinto Poludnica, vespere prelegoj pri fremlandaj turismaj vojaĝoj

**27. 2. - 1. 3. 1998, Poprad (ERS)**
VERAT '98 — Vintra E-Renkontiĝo en A. Tatroj

**27. 2. - 1. 3. 1998, Bratislava (ESO)**
Seminario pri instruado de Esperanto

**3. - 5. 4. 1998, Žilina (MEL)**
Seminario por klubaj mastrumistoj kaj kiel gajni monon por la E-movado

**10. - 12. 4. 1998, Poprad (ERS)**
„Pri io aŭ nenio"
— Amuza amika Esperanto-renkontiĝo

**17. - 19. 4. 1998, Poprad (ERS)**
Konferenco de ERS

**17. - 19. 4. 1998, Púchov (MEL)**
Konferenco de MEL

**30.4. - 3. 5. 1998, Poprad (ERS)**
PERAT '98 — Printempa Esperantista Renkontiĝo en Altaj Tatroj

**9. 5. 1998, Bratislava (ESO)**
Konferenco de ESO

**8. - 10. 5. 1998, Poprad (ERS)**
Laborbrigado en E-arkivo

**29. - 31. 5. 1998, Košice (ERS)**
2-a Kongreso de SKEF.

**22. - 24. 5. 1998, Poprad (ERS)**
Rondvojaĝo ĉirkaŭ Altaj Tatroj

**2.-5.6. 1998, Poprad (ERS)**
Karpatia Regiona E-Konferenco

**9. - 14. 6. 1998, Italio / Rumanio (ERS)**
Ekskurso al Dolomitoj (Norda Italio) kaj Transilvanaj Alpoj (Rumanio).

**21. 6. 1998, Ĉeĥio (MEL)**
Grimpado al montopinto Ĉantorio, renkontiĝo de polaj, ĉeĥaj kaj slovakaj esperantistoj.

**10. - 24. 7. 1998, Poprad (ERS)**
Somera Esperanto-Lernejo SEL'98.

**17. - 19. 7. 1998, Poprad (ERS/ES)**
Amika renkontiĝo de la legantoj kaj kunlaborantoj de Esperantisto Slovaka

**17. - 24. 7. 1998, Poprad (ERS)**
Turisma semajno - TUSE ´98.

**1. - 8. 8. 1998, Montpellier (ERS, MEL)**
Partopreno en la 83-a U.K. en Francio

**21. - 23. 8 1998, Žilina (IKUE-Žilina)**
Renkontiĝo de ĉeĥaj kaj slovakaj katolikoj- esperantistoj

**28. - 30. 8. 1998, Liptovský Ján (MEL)**
Grimpado al la monto Kriváň

**3. - 6. 9. 1998, Poprad (ERS)**
Mikologia Seminario en Poprad

**12. - 13. 9. 1998, Bratislava (ESO)**
"EMAKARO" - Esperantista Malgrandkarpata Renkontiĝo

**25. - 27. 9. 1998, Žilina (MEL)**
Turisma aŭtuno en Malgranda Fatro

**16. - 18. 10. 1998, Žilina (MEL)**
Organiza seminario en Žilina

**13. - 15. 11. 1998, Bratislava (ESO)**
BIEK = Bienalo de E-kulturo

**4. - 6. 12. 1998, Poprad (ERS)**
Renkontiĝo okaze de Sankt-Nikolaa festo en Pollando

**30. 12. 1998- 2. 1. 1999, Poprad (ERS)**
Silvestra balo kaj vintraj (ski)ekskursoj

### Korespondaj adresoj:

**ESO:** Mgr. Alica KOMLÓŠIOVÁ - ESO
Rovníková 6, 821 02 BRATISLAVA
Tel.: 07 / 291 604

**ERS:** ESPERANTO, Regiona Societo
Sobotské nám. 36, 058 01 POPRAD
Tel.: 092 / 324 19 (Inĝ. Milan ZVARA)

**MEL:** Inĝ. Ján VAJS
Nábrežie A. Stodolu 1778
031 01 LIPTOVSKÝ MIKULÁŠ
Tel.: 0849 / 236 64

**SKEF:** Esperanto - SKEF
P. O. Box B-152, 012 41 ŽILINA
Tel.: 089 / 521 52 (Inĝ. Juraj GONDŽÚR)

# TRADICIA ESPERANTISTA RENKONTIĜO HONORE AL SANKTA NIKOLAO

***Esperanto, Regiona Societo, kies sidejo estas en Poprad, ĉiujare organizas renkontiĝon de esperantistoj honore al Sankta Nikolao. La renkontiĝoj jam tradicie okazas en la vilaĝo Murzasychle, kiu troviĝas en montara regiono apud Zakopané, kompreneble en Pollando. La vilaĝo estas karakteriza per sia tipa montara arkitekturo.***

La ĉi-jaran renkontiĝon partoprenis esperantistoj el la urboj Nitra, Michalovce, Žilina, Košice, Kysucké Nové Mesto, Poprad kaj unu eksterlanda gasto el Skandinavio, profesoro Kjell Sellin. Entute kun ŝoforoj 28 personoj.

La 5-an de decembro '97 ĝis la 14-a horo renkontiĝis esperantistoj en Spišská Sobota (kvartalo de Poprad), kie estas sidejo de la Regiona Societo kaj de tie ili ekveturis al la pola landlimo. Depost la vilaĝo Ždiar la vojo kaj ĉirkaŭaj herbejoj estis kovritaj per freŝa neĝtavolo.

Proksimiĝante al la landlimo la neĝo jam estis pli abunda. La ĝojo jam estis videbla ankaŭ sur la vizaĝoj, sed plej multe ĝojis la infanoj. Ili jam vidis sin sidantaj en la sledoj, kiujn tiras ĉarmaj ĉevaletoj. Ekaperis la unuaj domoj de Murzasychle kaj baldaŭ ni haltis en la loko, kie estis nia loĝejo.

Post la loĝigo sekvis abunda vespermanĝo kaj ĝin sekvis amika babilado.

La venontan tagon post la tagmanĝo ni veturis buse al la granda bazaro en Nowy Targ, kie ni butikumis kaj aĉetadis donacetojn por niaj proksimuloj, por la proksimiĝantaj Kristnaskaj festoj.

Post la reveno kaj tagmanĝo antaŭ nia loĝejo aperis menditaj sledoj kun belaj ĉevaloj, kiuj malpacience atendis. Post kelkaj minutoj ĉiuj sidlokoj en la sledoj estis okupitaj kaj la karavano, kiu konsistis el ses sledoj ekmoviĝis, kion anoncis ankaŭ sonoriletoj sur la koloj de la tirantaj ĉevaloj. Ni sled-glitis laŭ la montara vojo tra belegaj vintraj terenoj. Ĉie regis dia trankvilo, ni aŭskultis spiradon de ĉevaloj kaj tintadon de iliaj sonoriletoj. Dum la paŭzo ni faris fajron kaj en amika rondo ĉirkaŭ la fajrejo ni ĝuis varmon de la brulanta ligno.



*„Sankta Nikolao kaj anĝelo" disdonas donacetojn (Anton Zachariáš kaj Eva Flašiková).* ***Foto: Milan Zvara***



*Bela popola kaj montara arkitekturo en Murzasychle.*

***Foto: Milan Zvara***

Post forbrulo de la ligno ni eksidis en la sledojn kaj revenis al nia loĝejo, kie nin jam atendis festa vespermanĝo. La neĝkovrita montara naturo estis rava. Post la vespermanĝo ni jam atendis alvenon de Sankta Nikolao, kiun atendis ankaŭ infanoj de niaj dommastroj. Sur la koridoro eksonis sonorilo kaj Sankta Nikolao eniris la pordon, akompanata de la anĝelo. Sekvis disdonado de donacoj ĉefe al infanoj, sed ankaŭ al plenkreskuloj. Inter la donacetoj ne mankis lernolibroj de Esperanto.

Ni daŭrigis per kantado kaj rakontado de diversaj travivaĵoj el niaj vojaĝoj kaj renkontiĝoj en Esperantujo.

Dimanĉe antaŭtagmeze ni vizitis la urbon Zakopané kaj post la tagmanĝo ni ekveturis hejmen.

Kun ĉiuj konatuloj ni adiaŭis kun la deziro denove renkontiĝi en la sama loko post unu jaro. Adiaŭ, Sankta Nikolao!

***Milan Zvara***

## 50-A KONGRESO DE INTERNACIA KATOLIKA UNUIĜO ESPERANTISTA

***Dum la tagoj 31.8. - 7.9.1997 efektiviĝis en Romo kaj Rimini la 50-a IKUE-Kongreso, sub la moto „Iru do kaj disĉiplu ĉiujn naciojn (Mat.28,19)". La kongreson partoprenis pli ol 330 esperantistoj el 21 landoj. El Slovakio partoprenis ĝin 13 anoj de la IKUE-sekcio.***

La unuaj tagoj en Romo apartenis al trarigardado de centra kristana vivo, kulturo kaj historio. Ni admiris Bazilikon de Sankta Petro en Vatikano, Amfiteatron Koloseo kaj Roman Forumon. Ni vizitis ankaŭ Bazilikon de Sankta Johano kaj Paŭlo ĉe la monteto Celio, Bazilikon de Sankta Paŭlo ekster la muregoj kaj de Sankta Johano Luterana, de Sankta Maria la Granda kaj pluajn rarajn historiajn memoraĵojn, kiujn ni kapablis dum tiel mallonga tempo trarigardi.

Kulmino de la programo en Romo estis merkreda ĝenerala aŭdienco ĉe Sankta Papo Johano la 2-a. Eble la unuan fojon en la historio okazis, ke Sankta Papo alparolis kaj benis tiel multnombran grupon de esperantistoj.

La saman tagon je la 12-a horo okazis aŭdienco ĉe la itala respublika prezidento, lia ekscelenco Oscar Luigi Scalfaro. Tiu ĉi renkontiĝo estis ankaŭ tre sincera kaj elkora.

La kongreso daŭrigis en Rimini. En la salono ESPERO okazis labora parto de la kongreso. Ni aŭdis interesajn prelegojn precipe de la pastro Lajoŝ Kóbor „Enkulturigo de la kredo en la diversaj eŭropaj kulturmedioj", de la pastro Battista Cadei pri la temo „Ĉu eblas dialogi kun novaj religiaj movadoj aŭ sektoj". Poste okazis ĝenerala kunveno de IKUE, salutoj de la partoprenantoj kaj vigla fruktodona diskuto.

Ĉiutage okazis valoraj spiritaj programoj. Sanktaj mesoj estis celebritaj ĉiutage en Esperanto.

Dum libera tempo ne mankis surmara boatado kaj banado, folklora vespero kun muziko, rostitaj fiŝoj kaj vino. La kongreson per bona amuza programo pliriĉigis grupo da gejunuloj.

Unu posttagmezo apartenis al ekskurso al la Respubliko San Marino kaj Baziliko de Sankta Marino.

Solena fermo de la kongreso okazis la 7-an de septembro en la salono Espero. Post sankta meso la partoprenantoj elkore adiaŭis sin kaj disiris en siajn hejmojn.

Dank' al italaj gesamideanoj, precipe al la honora prezidanto sac. Duilio Magnani, prezidanto Antonio de Salvo, sekretario Carlo Sarandrea kaj multaj aliaj la 50-a IKUE-kongreso efektiviĝis en tiel belega kaj bonega medio. Ĝi estis la okazo renkonti la homojn en spirito de reciproka interkompreniĝo, ne nur lingva, sed ankaŭ frata kaj amika. Certe ĝi estos por ĉiuj partoprenantoj neforgesebla memoraĵo.

***Ma To***

## SKOLTA KARAVANO - INTERŜANĜE

Grupiĝo de mezeŭropaj skoltaj E-organizoj MESEL organizos por partopreni la Infanan Kongreseton en Francio 1998 apartan aŭtobuson, per kiu po 4 knabinoj kaj 4 knaboj el 4 mezeŭropaj landoj (entute 32 infanoj-geskoltoj kun 8 estroj kaj 4 gepatroj) veturos al la UK. Per la sama aŭtobuso veturos françaj geskoltoj por viziti la internacian tendaron de Lanĉov, el kiu oni povas facile viziti ĉiujn 4 mezeŭropajn landojn. La infanoj restos post la UK kelkajn tagojn ĉe la maro, kaj la aŭtobuso venos por ili reveturigante la francajn infanojn.

Interesiĝantoj kontaktu:

***Inĝ. Miroslav Havranek, Pk. 161, SK-81000 Bratislava 1, Slovakio***

## BELARTAJ KONKURSOJ

La Belartaj Konkursoj de UEA denove invitas partoprenantojn por siaj sep branĉoj. La rezultojn oni anoncos en la Universala Kongreso en Montpeliero. (Tamen, partopreno en la UK ne estas kondiĉo por partopreni en la Konkurso!)

La laŭreatojn atendas monpremioj, kiuj estas pli altaj ol antaŭe.

Ĉiuj konkursaĵoj devas esti novaj kaj, escepte de la infanlibroj, ne publikigitaj. Krome validas jenaj kondiĉoj:

***Poezio:*** Maksimuma longo ne fiksita. Tri premioj.

***Prozo:*** Maksimuma longo 200 x 65 tajpospacoj. Tri premioj.

***Teatraĵo:*** Maksimuma longo ne fiksita. Tri premioj.

***Eseo:*** Teme ligita kun Esperanto aŭ kun la temo de la UK: "Mediteraneo — ponto inter kulturoj". Premio "Luigi Minnaja" kaj du aliaj premioj.

***Kanto:*** Teksto kaj melodioj povas esti de malsamaj aŭtoroj.
Premio "Ahn-Song-san" kaj du aliaj premioj.

***Vidbendo:*** Teme ligita kun Esperanto aŭ kun la kongresa temo (vd. Eseo). Daŭro inter 15 kaj 60 minutoj. Sistemo VHS/PAL. Tri premioj.

***Infanlibro de la Jaro:*** Originala aŭ tradukita libro, presforme aperinta en 1997. Unu premio.

***Sendo:*** oni rajtas sendi maksimume tri konkursaĵojn por la sama branĉo. Por poezio, prozo, teatraĵo, eseo kaj kanto oni sendu ilin en kvar ekzempleroj; por la infanlibra branĉo en tri ekzempleroj. Ĉiuj alvenu plej laste la 31-an de marto. Por vidbendo oni sendu po unu ekzemplero ĝis la 1-a de julio 1998. Ĉion oni sendu al: Belartaj Konkursoj de UEA, Nieuwe Binnneweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando. La konkursaĵoj (krom vidbendoj kaj infanlibroj) estu pseŭdonimaj. La vera nomo kaj adreso estu en aparta koverto. Se eble, oni aldonu 5 internaciajn respondkuponojn por ĉiu branĉo, en kiu oni konkursas.

***Premioj:*** Unua premio: 410 gld. Dua premio: 287 gld. Tria premio: 164 gld. Nova Talento (por la plej bona konkursanto antaŭe ne premiita) 287 gld. Infanlibro de la Jaro: 861 gld.

***Publikigo:*** La rajto je la unua presigo de la premiitaj verkoj apartenas al UEA, kiu ankaŭ poste rajtos aperigi ilin senpage en antologio de la Konkursoj.

***Detala regularo*** haveblas kontraŭ unu respondkupono ĉe UEA, Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando, aŭ retpoŝte ĉe: uea@inter.nl.net.

*Granda ŝanco por Esperanto dum prestiĝa*

## *LINGVISTIKA KONFERENCO*

Inter la16a kaj la-18a de aprilo 1998 okazos en Szombathely (Hungario) la VIII-a Kongreso de Aplikata Lingvistiko. La kongreson organizos la nova universitata katedro de nia pedagogia altlernejo, Ĝia ĉeftemo estas: La lingvo kiel intelekta kaj ekonomia kapitalo.

Estante unu el la ĉeforganizantoj mi sukcesis atingi dum la unua preparkunsido, ke ankaŭ interlingvistiko kaj esperantologio aperu inter la sekcioj. La prestiĝaj lingvistoj kvankam iom skeptike pri la manko de vera intereso rilate tiun temon, fine tamen komisiis al mi prepari kaj gvidi la tiean laboron.

La kongreson partoprenos ĉ. 300-400 en- kaj eksterlandaj lingvistoj kaj lingvoinstruistoj, reprezentiĝos kaj prelegos ankaŭ la kulturministro kaj aliaj respondeculoj de la ministerio. La laboro disvolviĝos en 18 sekcioj, ni antaŭvidas ĉ. 200 prelegojn kaj rondtablajn diskutojn. La materialo de la kongreso aperos ankaŭ libroforme. Gravaj eldonejoj kaj lingvolernejoj havos ekspozicieblojn.

Povas esti esperodona paŝo la nuna eblo por ni ĉiuj. Se la nova sekcio sukcesos, ĝi havos la eblecon ankaŭ sekvontjare eniri la programon. La informdonaj kaj sciencaj prelegoj povas okazi ankaŭ en Esperanto (kun paralele sekvebla skriba traduko al la hungara). Miaimage la prelegoj ne estu altrude propagandaj, movadece varbaj. Ili estu lingvistike konvinkaj, ĉu ĝenerale pri interlingvistikaj demandoj, ĉu pri Esperanto kaj aliaj planlingvoj.

La laborlingvo povas esti ne nur la hungara (kial ne Esperanto?) ankaŭ en la aliaj sekcioj (interkultura komunikado kaj la demandoj de Eŭropa Unio, sociolingvistiko, lingvaj rajtoj, komputilo kaj lingvistiko, psikolingvistiko, du- kaj plurlingveco, specialaj komunikproblemoj, aplikata lingvistiko kaj la surdeco, kontrast-lingvistiko, traduko-interpretado, faklingvo, lingvopedagogio, historio de la lingvoinstruado, aplikata tekstolingvistiko, aplikata lingvistiko en la gepatralingva edukado, la hungara kiel fremda lingvo, entreprena/ komerca komunikado).

La lasta aliĝdato por la prelegontoj estas la 15a de januaro 1998. Por pli detalaj informoj kaj konsiloj turnu vin al:

Dr-ino Katalin Smidéliusz, HU-9701 Szombathely, BDFT, Alkalmazott Nyelvészeti Tanszék, Pf.: 170. Hungario. Universitata Fakso: +36-94-312248. Prefere uzu la retadreson: smidik@rik.bdtf.hu.

Kompetentaj lingvistoj, kolegoj! Helpu al ni ne perdi tiun ĉi okazon!

***Katalin Smidéliusz***

## *IMPOSTOJ EN HUNGARIO*

En Hungario pasintjare estis enkondukita nova leĝo, laŭ kiu 1 %-on de la persona enspez-imposto oni povas oferti (pere de la impostoficejo) al neprofitcelaj sociaj organizoj kaj fondaĵoj. Tio do ebligis la financan subtenon ankaŭ de Esperanto-organizoj — sen aparta pago. (La personan imposton oni ja ĉiukaze pagas al la ŝtato — kaj nun oni povis instrukcii pri 1 %-o de tiu jam pagata sumo).



Fondaĵo Esperanto ĉe la Budapeŝta E-Domo ricevis 580 mil, Hungara E-Asocio ricevis 280 mil kaj Hungara E-Junularo 19 mil forintojn. La sukceso de Fondaĵo Esperanto estas dankebla al la varbagado inter neesperantistoj, kio samtempe estis reklamo ankaŭ por Esperanto (eĉ se la gazetanoncoj kaj flugfolioj kostis signifan sumon).

Tiu ebleco ekzistos ankaŭ ĉi-jare (kvankam nun oni povas direkti la 1 %-on ankaŭ al eklezioj). Komenciĝis la traktado inter la tri E-organizoj pri komuna kampanjo, ja por ricevi tiun 1 %-on oni devas konkursi kun multaj aliaj fondaĵoj kaj sociaj bonfaraj organizoj.

***Laszlo Szilvasi***

## *CNN KAJ ESPERANTO*

Televida kanalo 9 en Aŭstralio dissendas je la 6-a a.t.m. novaĵprogramon originintan en la Usona CNN, ĉiutage. La 16-an de decembro, tiu dissendo inkluzivis plurminutan raporton pri Esperanto kiel ebla lingvo por la Eŭropa Unio. La tre favora raporto

montris librobutikon kun mil Esperantaj verkoj vendataj, aŭdigis specimenajn parolojn en Esperanto, kaj klarigis la valoron de Esperanto.

***D-ro Donald Broadribb***

## *INSTRUADO EN POLLANDO*

Sekve al prelego de s-rino Maria Majerczak en Jagiellona Universitato en Krakovo ekde oktobro 1997 lernas Esperanton pli ol 70 gestudentoj.

La Internacia Lingvo daŭre estas deviga studobjekto por tiuj, kiuj elektis ĝin kiel parton de sia deviga programo (estas eĉ iuj, kiuj preferas Esperanton kiel devigan lingvon, anstataŭ la angla).

En diversaj universitataj fakoj estas loko por Esperanto kiel deviga lernobjekto, lingva aŭ anstataŭanta nelingvan (elekteblan kiel deviga) branĉon ekz. filozofion, arthistorion ktp.

La Esperanto-ekzameno kaj la poentoj havas la saman valoron kiel tiuj ĉe la aliaj devigaj studobjektoj. Ĝis nun, ĉiujare la nombro de la gestudentoj, lernantaj Esperanton, duobliĝas.

En la sama universitato okazadas ankaŭ alia sukcesa Esperanto-kurso (mezgrada), organizata de la Asocio de Diplomitoj de Jagiellona Universitato. Esperanton tie instruas s-ro Zbigniew Warmuz.

Pluraj junaj homoj iĝos poste instruistoj de Esperanto, aliaj ekzemple aktivuloj en la Esperanto-turismo.

Ili vigle interesiĝas pri kontaktoj kun diverslandaj esperantistoj, deziras korespondi, laŭeble interŝanĝi vizitojn, partopreni internaciajn junulrenkontojn kaj laborbrigadojn. Kontaktu ilin ĉe:

S-ino Maria Majerczak, ul. Armii Krajowej 7, m. 122. PL-30-150 Krakow, Pollando. *(Laŭ Interredaktore)*

## *ESPERANTA RETSUPERMARKTO*

***Okaze de la Zamenhoftago 1997, kiu samtempe estas Tago de la Esperanto-Libro, malfermiĝis la unua Esperanta Retsupermarkto. Temas pri la unua interreta vendejo por esperantistoj! En la Esperanta Retsupermarkto vi povas, pere de via komputilo ŝaltita al interreto, agrable promeni laŭ la libroj, diskoj, kasedoj, komputilaĵoj, filatelaĵoj, ktp. Vi povas ankaŭ krei listojn laŭ via prefero, ekzemple liston de difinita aŭtoro.***

***Promenante vi povas rigardi la kovrilpaĝon de viaj preferataj libroj, aŭdi pecon el viaj preferataj diskoj, legi recenzon pri ili aŭ venigi pliajn detalojn. Ekzistas la ebleco nur viziti la novaĵojn aŭ elekti alian kategorion, ekzemple la bazajn literaturajn verkojn, t.e. la librojn kiuj laŭ William Auld aperu nepre en ĉies biblioteko.***

***Kompreneble vi povas ankaŭ mendi la varojn. Por mendi simple metu la varojn en vian butikumkorbon. Kiam ajn vi povas kontroli, kiom estas en via korbo, aldoni pliajn aĵojn, aŭ remeti kelkajn sur la bretojn de la supermarkto. La Esperanta Retsupermarkto estas iniciato de Flandra Esperanto-Ligo kaj de la Interretperanto Agora. La adreso de la supermarkto estas:***

***http://esperanto.agoranet.be/supermarkto***

### Elektitaj eroj

**Por mendi, indiku la deziratan kvanton en la unua kolumno. Poste metu la menditajn varojn en vian aĉetkorbon kaj alklaku la koncernan butonon fine de la listo. Vi povas kiam ajn rigardi, kio troviĝas en via aĉetkorbo, forpreni el ĝi varojn, aŭ aldoni aliajn. Se vi estas tute preta, alklaku la butonon *Finu la butikumadon* . Tiam ni informpetos pri via nomo, adreso, ktp. Se vi ne volas mendi ion ĉi-momente, vi estas same bonvena.**

| Kvanto | Titolo / Bildo | Aŭtoro / Recenzo | Havebla / Detaloj | Speco | Prezo |
|---|---|---|---|---|---|
| | 100 jaroj da kantado en Esperanto | | | kantoj | BEF 450.00 |
| | 14-hora rapidkurso | Auld | En stoko | lernolibro, vortaro aŭ informilo | BEF 30.00 |
| | 15 komedietoj | Mackey | En stoko | teatro | BEF 90.00 |

*Tiel ĉi (tamen buntkolore) aspektas la interreta mendilo de Esperanta Retsupermarkto de FEL kaj Agora.*

# KAMPANJO 2000
## por internacia lingva ordo

**Por vigligi kaj aktivigi la E-movadon kaj por levi ĝian idean kaj organizan nivelon lanĉis UEA en 1997, okaze de la proksimiĝanta jarmilŝanĝo, „Kampanjon 2000", kiu difinas prioritatojn kaj farendaĵojn por la E-movado. Ĉar en Slovakio la kampanjo ankoraŭ ne ricevis la meritítan atenton, ES alportas al la legantoj la dokumenton, kiu estas plu diskutata kaj jam komencas esti aplikata en diversaj landoj.**

### Premisoj

**Premiso 1-a:** En la lastaj jaroj la Esperanto-movado spertis serion de sukcesoj en kelkaj medioj/landoj kaj alfrontis serion de problemoj en aliaj medioj/landoj. Kvankam ĝenerale ekzistas pli serioza sinteno al Esperanto, la konsci-nivelo de la ĝenerala socio rilate al demokrata solvo de lingvaj problemoj ankoraŭ ne estas kontentiga.
Aliflanke la organiza (idea kaj laborforta) stato de Esperanto-organizaĵoj ne atingas la dezirindan nivelon, tiel ke ankaŭ eventualaj sukcesoj je la nivelo de parlamentoj aŭ internaciaj organizaĵoj riskas resti vanaj pro la malebleco por niaj organizaĵoj efektivigi la necesajn paŝojn por ekspluati tiujn favorajn kondiĉojn.
En pluraj landoj la laborfortoj kaj laboraj rimedoj de niaj organizaĵoj ne kreskas aŭ eĉ en kelkaj kazoj falas; la instruado kaj lernado de Esperanto bezonas novan impulson en formo de novaj lerniloj kaj pli efika aliro al la publiko: kaj la merkatumo de Esperanto ne utiligas aktualajn metodojn. En aliaj landoj okazis tamen sukcesoj, kiujn ni devas ĝeneraligi al tiuj landoj, kie ili ne okazis.

**Premiso 2-a:** La konscio pri la fakto ke lingvaj rajtoj estas parto de la homaj rajtoj progresas en kelkaj lokoj kaj en kelkaj tavoloj de la unuopaj socioj, sed en la praktiko la solvo al komunikaj problemoj restas ankoraŭ ligita al tradicia kaj nedemokrata sistemo. Multa informa laboro estas necesa por vaste konsciigi la homaron pri la neceso de nova aliro al lingvaj demandoj, kies integra parto estas la internacia lingvo Esperanto, kiu celu la respekton de ĉiuj lingvoj kaj de ĉiuj kulturoj. Por aliri tiun tutan kampon nepra antaŭkondiĉo estas zorga analizo de la potencfluoj kaj tendencoj en la nuntempa mondo, kiuj decide influas la lingvopolitikon de ŝtatoj, interŝtataj unuiĝoj, internaciaj diverstipaj organizoj, inkluzive de fakaj, profesiaj kaj sciencaj organizoj, kaj, ne laste, la sintenon de la ĝenerala publiko pri fremdaj lingvoj.
Samtempe oni devas sobre analizi la nunan staton de la Esperanto-movado por fiksi vere atingeblajn celojn. Por respondi al la defioj, kiujn la nuna mondo prezentas al la Esperanto-movado, UEA lanĉas la kampanjon ĉi-sekve priskribatan.

### Generalaj celoj

**1-e.** Levi la organizan kaj idean nivelon de la Esperanto-komunumo
**2-e.** Levi la prestiĝon de la internacia lingvo
**3-e.** Influi la internacian vivon

### Detaligo de la celoj kaj prioritataj taskoj

**1-a celo. Levi la organizan kaj idean nivelon de la Esperanto-komunumo**

La unua celo entenas la signifan levon de la idea kaj organiza niveloj de ĉiuj Esperanto-organizaĵoj, por igi ilin pretaj alfronti la defiojn de la nova jarmilo. En la praktiko tio signifas ke ĉiu Esperanto-organizaĵo devas zorgi pri akiro de rimedoj homaj kaj financaj. Tio en si mem ne alportos la finan venkon, sed estas la premiso por havi pli da aktivuloj, pli da influhavaj kaj laborpretaj intelektuloj, kio siavice permesos al la organizaĵoj iĝi pli stabilaj kaj malpli dependaj de individuoj. Samtempe oni klopodu levi la idean nivelon de la movado per klerigado de la membroj pere de seminarioj, revuoj, renkontiĝoj, por ke ili posedu almenaŭ la bazajn sciojn pri la movado kaj pri ties celoj. Ni ne forgesu, laste, igi niajn labormetodojn kongruaj kun la modernaj teknikaj rimedoj.

*Prioritataj taskoj*

— La komitatanoj de UEA iĝu kunrespondecaj por la plenumo de ĉi tiu plano en sia lando, organizaĵo aŭ medio.

— Ĉiu landa kaj faka organizaĵo fiksu por si mem kaj por siaj lokaj aŭ alispecaj subgrupoj konkretan cel-grupon varbotan kaj konkretan membronombron atingindan kaj ekagu laŭ tiuj celoj.

— Ĉiu landa kaj faka organizaĵo pretigu programon de klerigaj okazoj por siaj membroj. Tiuj okazoj povus varii laŭ la apartaj kondiĉoj, sed ili devas antaŭvidi la neceson ke ĉiu (nova) membro estu minimume informata pri la historio de la Esperanto-movado, pri ĝia nuna konsisto kaj pri ĝiaj nunaj celoj. (Tiucele estas esence konigi al ĉiu unuopa esperantisto la manifeston de la Esperanto-movado, kiu ĝis nun estas konata kiel Manifesto de Prago.)

— La estraro de UEA, kunlabore kun ILEI, reviziu la ekzistantajn instruilojn kun la celo plibonigi la instruadon de Esperanto surbaze de modernaj metodikaj malkovroj, uzante ankaŭ novajn eblecojn de komputiloj, elektronikaj retoj k. s. kaj zorgante pri la integrigo de la finstudintoj en la komunumon.

— La landaj organizaĵoj zorgu por ke la landaj ILEI-sekcioj estu pli fortaj kaj kunligu ĉiujn instruistojn en la unuopaj landoj.

— La estraro kaj la financa komisiono de UEA okupiĝu pri financa evoluigo, kaj metu la akiron de mono inter siajn ĉefajn zorgojn.

## 2-a celo: Levi la prestiĝon de la internacia lingvo

La dua celo invitas al informado pri la internacia lingvo kaj ties seriozaj sociaj celoj por ke la erara bildo de Esperanto, kiu ankoraŭ ekzistas en multaj medioj, ŝanĝiĝu. Oni devas produkti modernan inform-materialon kaj sisteme sendi ĝin al instruistoj, lingvistoj, ĵurnalistoj kaj tiuj politikistoj, kiuj okupiĝas pri kulturo kaj internaciaj rilatoj, kaj kompreneble al la ĝenerala publiko. Ĝenerale oni celu plibonigi la informadon kaj klerigadon en kaj ekster la komunumo, per stimulado kaj kunordigado de esploroj, eldonaĵoj, klerigaj kaj trejnaj aranĝoj, kaj bone preparitaj prezentoj aŭ kunlaboraj agadoj en malsamaj medioj.

*Prioritataj taskoj*

— La estraro de UEA pretigu liston de la plej bonaj informiloj nun ekzistantaj kaj tradukeblaj al la naciaj lingvoj kaj sendu ekzemplerojn de tiuj informiloj al ĉiuj landaj kaj fakaj organizaĵoj.

— La landaj kaj fakaj organizaĵoj prizorgu la tradukon kaj disvastigon de tiuj informiloj al siaj lokaj kaj aliaj grupoj.

— La komitatanoj zorgu por ke tiu traduko kaj disvastigo okazu.

— UEA kaj la ceteraj organizaĵoj starigu aŭ/kaj aktivigu informan fakon.

— UEA kaj la landaj kaj fakaj organizaĵoj transiru de pasiva informado (nur al petantoj) al aktiva informado (al la membroj de la homgrupoj supre menciitaj kaj al la ĝenerala publiko).

— La estraro de UEA donu apartan atenton al la materialo ekzistanta por informi lingvistojn kaj ellaboru, interkonsente kun la taŭgaj instancoj, lingvopolitikon por Esperanto kaj pri esperantologiaj studoj.

## 3-a celo: Influi la internacian vivon

La Esperanto-organizaĵoj de la ĝusta nivelo devas pristudi la eblecojn influi la internacian vivon, interalie per la internaciaj organizaĵoj, al kiuj, post esplorado de la konkretaj kondiĉoj, oni faru konkretajn proponojn pri kunlaboro.

*Prioritataj taskoj*

— La estraro de UEA konsultiĝu kun antaŭaj kaj nunaj okupiĝantoj pri UN, Unesko kaj aliaj organizaĵoj de la UN-aro, same kiel kun okupiĝantoj pri rilatoj kun internaciaj regionaj organizaĵoj (okcidenteŭropa EU, OAU, OASX, ktp.).

— La estraro de UEA instigu fakajn Esperanto-organizaĵojn starigi kontaktojn kun internaciaj organizaĵoj, kiuj okupiĝas pri sama aŭ apuda temo.

— La estraro de UEA instigu landajn Esperanto-organizaĵojn starigi kontaktojn kun siaj registaroj kaj tute aparte kun la landaj instancoj, kiuj tenas ligojn kun internaciaj organizaĵoj.

— Surbaze de tiuj kaj aliaj zorgaj analizoj kaj preparoj, la Esperanto-organizaĵoj de la ĝusta nivelo varbu kaj flegu kontaktojn kun influaj ekstermovadaj simpatiantoj, starigu pozitivajn kaj konkretajn kunlaborajn rilatojn kun taŭgaj organizaĵoj, kaj helpe de tiuj kunlaborantoj pretigu kaj akceptigu konkretajn proponojn por ŝanĝi la lingvo-politikon de internaciaj organizaĵoj.

## Aliaj rimarkoj

— Ĉi tiu laborplano estas nur kadra laborplano. Ĉiu instanco de la Esperanto-movado fiksos sian propran laborplanon rilate al sia agad-kampo. Estas esence jam nun komenci diskutadon por la detaligo de la konkreta laborprogramo de ĉiu partoprenanta instanco.

— Ĉiu organizaĵo en la kazo de traduko al nacia lingvo rajtas traduki la sencon de la esprimo "Por nova internacia lingva ordo" uzante tiujn vortojn, kiuj ŝajnos pli akcepteblaj en la nacia lingvo kaj en la nacia medio.

— UEA starigu konton kiu funkciu kiel transira konto por kolekti monon por la realigado de ĉi tiu plano. Ĝi ricevu donacojn de esperantistoj kaj eventuale de neesperantistoj, kaj ĝi transdonu monon al la normalaj kontoj de la administra sistemo laŭ la bezono. La mono, memkompreneble, necesas por la eldonado de informiloj kaj bazaj dokumentoj, por la okazigo de internaciaj seminarioj, por publikaj reklamoj en ĵurnaloj, por sendi volontulajn instruistojn al kelkaj landoj, ktp.

— Por certigi, ke la CO per la celata kampanjo ne estu konsiderinde pli ŝarĝata ol ĝis nun, parto de la kolektotaj financoj povos esti uzata por kapabla volontulo, kiu administre subtenu la kampanjon rekte en la CO aŭ sub gvido de elektota oficisto de la CO aŭ estrarano.

— Kiam temas pri la financoj de la asocio daŭre validas la konsiloj de la laborplano 1989-1992. Tiu laborplano esence instigis la respondeculojn pri financoj de la asocio sisteme serĉi monfontojn en kaj ekster la Esperanto-movado, kiel ekzemple grandaj privataj fondajoj aŭ mecenatoj, sed ankaŭ publikaj eblaj fontoj, kiel la urbo Roterdamo.

— Al tiu sistema serĉado devas esti kunlaborigataj ankaŭ la landaj asocioj. La celo estas trovi eksteran monon. Tre verŝajne ĝi ne estas trovebla por la kampanjo 2000 kiel tia sed por pluraj el ĝiaj eroj, kiel la klerigaj seminarioj kaj similaj.

— Ĉi tiu laborplano kaj la Manifesto de la Esperanto-movado devas esti daŭre disponeblaj ĉe la CO de UEA kaj ili devas esti vaste dissendataj al Esperanto-organizaĵoj kaj al individuaj esperantistoj en ĉia ebla maniero.

— La estraro de UEA raportu ĉiun jaron al la komitato pri la progreso de la kampanjo.

— Fina noto: Ĉi tiu laborplano estas intence tre ĝenerala. Ĝi celas instigi ĉiunivelajn Esperanto-organizajojn partopreni laŭ siaj eblecoj kaj kompetentoj. En la venontaj jaroj, ĝis la jaro 2000-a, ĉiu devos streĉi siajn fortojn por komune antaŭenporti la internacian lingvon al tiu pli firma pozicio en la mondo dum la venonta jarcento, kiun Esperanto meritas. Ĉi tiu plano rekonas ke la kunlaboro de ĉiu parto de la movado estas esenca. Ĝi krome estas ebla, ĉar ĉiu esperantisto estas nur petata intensigi siajn klopodojn pri tio, kion li jam faras nun. Lia tasko ne estas zorgi por tio ke Unesko, Unuiĝintaj Nacioj, ktp. ekuzu Esperanton, sed plifortigi sian lokan agadon. Tio estas la plej bona maniero por apogi la klopodojn, kiujn aliaj faras ĉe Unesko, Unuiĝintaj Nacioj, ktp.

*(Laŭ Interredaktore)*

# VEGETARISMO = ESTIMO AL LA VIVO

**Ekzistas multaj kialoj kial ne manĝi viandon kaj aliajn animaldevenajn nutraĵojn... Al la decido fariĝi vegetarano venas la homoj plej ofte por forigi ian malsanon, por fortigi la sanon kaj plilongigi la aktivan vivlongecon. Malpli oni konsideras la eblajn etikajn principojn de vegetarismo. Ni do provu la problemon rigardi pli komplekse kaj malkaŝu iujn pliajn „por" kaj „kontraŭ".**

## LA HOMO NE ESTAS KARNIVORO

Pri tio asertas precipe lia intestlongeco. Ĉiuj karnivoroj havas la intestojn kelkoble pli kurtaj. La kialo estas simpla — kurta intesto signifas kurtan digestprocezon kaj rapidan ekskrementon, longa intesto ebligas plilongigi la digestprocedon kaj la tempon, post kiu okazas la ekskrementado. Vianda nutraĵo kaj la animalproduktoj tre rapide en la intestoj ekputras kaj kreas medion plenan de bakterioj kaj pliaj malutilaĵoj, kiuj, se baldaŭ ne okazas ilia elimino, povas reiri tra intestmuro reen en la oganismon. Plejmulto de la homoj suferas je digestaj perturboj, kronika konstipo. Estas konata la fakto, ke ĉi problemoj malaperas, se la homo fariĝas vegetarano.

La homo povas kontente kaj ĝoje vivi ankaŭ sen konsumado de viando. Se li scipovas en la nutraĵoj certigi sufiĉe da valoraj albuminoj (greno, fazeolo) kaj proteinoj (sojaj produktoj), se li gardas ekvilibron en la akceptataj nutraĵoj, tiam li dank' al vegetarismo scipovas forigi tutan vicon da sanmalfacilaĵoj. Jen kelkaj: alta sangopremo, arterosklerozo, reŭmataj doloroj, problemoj de la spiraparato kaj alergioj. Pliboniĝas ankaŭ la pensado kaj memorkapablo, la moviĝemo...

## LA NUTRAĴĈENO KAJ NI

Je ĉi demando ni lasu respondi la kuraciston, kiu konsiderindan parton de la vivo dediĉas ĝuste al manieroj de sana nutrado, D-ro Andrew Eeil:

„Se ni manĝas animalojn, breditajn nur por la viando, ni moviĝas sur la pinto de nutradĉeno de nia planedo — ĉe la fino de la vico, en kiu la sekva organismo manĝas organismojn troviĝantaj en la vico sub li. Animaloj, manĝantaj aliajn animalojn, akumulas kaj koncentras multajn toksojn el animala medio, kiu tra la ĉeno moviĝas. Tio estas unu el la kialoj, pro kiuj ni manĝu prefere kreskaĵojn — ili troviĝas en la suba fino de la nutradĉeno kaj estas malpli kontaminitaj.

Modernaj nutradmetodoj plie uzas grandajn kvantojn da kuraciloj, hormonoj kaj toksaj kemiaĵoj por atingi pli grandan pezon kaj do la foiran valoron de la bestoj, destinitaj al manĝado.

Iuj viandoproduktantoj ne konsentos kaj argumentos, ke ili produktas „puran" viandon. Jes, ankaŭ akvo povas esti proklamita sana, kvankam ĝi enhavas milionojn da bakterioj kaj por la sano malutilaj substancoj. Sufiĉas, se ĝi per sia kvalito „ne transiras" normon, fiksitan de la koncerna institucio.

Envere la akvo sana ne estas, ĝi estas nur pli sana ol la akvo, kiu la normojn ne transiras.



**„La antaŭjuĝo, ke viando estas bezonata por konservi la forton, malaperas malfacile" — skribis Paul Brunton. „Mi ne konas pli fortan estaĵon ol elefanto. Mi vidis ĝin fari en Oriento laborojn, kiujn Okcidente faras vaporkranoj. Kaj tamen ĝi estas vegetarano. Plie ĝi transvivas aliajn bestojn."**

## RUĜA VIANDO KAJ LA ALIAJ

Oni scias, ke la ruĝaj viandoj disponigas la t. n. kompletajn proteinojn, kiuj per sia konsisto similas al la niaj. Kvankam ĉi fakto unuavide aspektas avantaĝa, envere ĉi tie minacas danĝero, ke oni facile transpaŝas la tagan bezonon de proteinoj. Pli granda konsumkvanto da proteinoj signifas grandan ŝarĝon ne nur por renoj, sed ankaŭ por la tuta digesta sistemo. Per digestado ni superflue konsumas grandan kvanton da energio, kiun ni povus dediĉi al pli utilaj aktivecoj.

Iuj homoj la ruĝan viandon rifuzas kaj konjektas, ke ili faras multon por sia sano, se ili manĝas nur porkaĵon kaj bovidaĵon. Envere temas pri viando, kiu estas produktata per la malplej humana maniero — la bovidoj estas konservataj en arta anemio kaj estas limigata ilia moviĝado, por ke ili ne havu evoluiĝintajn muskolojn.

Se la kortbirda viando aspektas plej sane, ĉefe pro tio, ke ĝi enhavas minimumon da grasoj. La dua kialo estas la fakto, ke la kortbirdaro vivas kompare kun aliaj bestoj relative mallonge kaj ĝia viando do ne estas tiom kontaminita.

## LA VIANDO KAJ LA STRESO

La bestoj havas — same kiel la homoj — nervan sistemon. Ili sentas doloron kaj konas timon. Nature kaj ofte pli frue ol homo ili kapablas ekkoni proksimiĝantan danĝeron. La fakuloj scias, kiel influas timo al la homo. Ankaŭ ĉe la bestoj en la momento de danĝero komencas ŝanĝiĝi kemiaj procedoj en la organismo, produktiĝas la t. n. stresa hormono, hormono de la timo. La besto tre bone scias, ke minacas mortdanĝero. Ĝi staras sur buĉlinio kaj povas moviĝi



Plia admirinda „vegetarano" — ĉevalo. De kie ĉi admirinda kaj pacama estaĵo prenas la forton? Ĉu ne mankas al ĝi viando?

nur antaŭen... Ĝi sentas ne nur sangodoron de bestoj buĉataj antaŭ ĝi, sed ankaŭ atakon da negativa energio — kaj timas simile, kiel timus la reĝo de la kreitaĵoj, la homo, estinte sur la sama loko.

Oni povus do diri, ke oni aĉetas stresitan viandon, plenan da timhormonoj kaj al multaj el ni ĝi ŝajnas bongusta. Ne ekzistas viando, kiu el ĉi vidpunkto estus en ordo.

Longtempaj esploroj montras, ke homoj, kiuj manĝas multe da viando, estas pli agresivaj ol la ceteraj. La agresiveco naskas perforton kaj la perforto naskas militojn.

## FILOZOFIO DE KOMPATO

Post tralego de la antaŭaj linioj oni verŝajne demandos, ĉu la viandokonsumado la sanon alportas aŭ forprenas... Kaj se ni plie allasas, ke ni ne havas eĉ la plej etan rajton senigi de la vivo kiun ajn estaĵon, ke ni ne naskiĝis por murdi, ni estos pli proksime al estimo de la vivo kaj eble pli proksime ankaŭ al la decido pri vegetara nutradmaniero.

Provu rigardi en okulojn de kiu´ajn besto. Ĉu vi scipovas klarigi al ĝi, kial vi devas ĝin mortigi? Ĝiaj okuloj ne komprenos kaj ĝis la lasta momento en ili restos la neeldirita demando: „Kial?"

Kompato kun ĉiuj vivaj estaĵoj estas propra al la homo sur alta grado de spirita evoluo, ĉar nur tia homo komprenas, ke „ni estas admonataj, ke ni kondutu al aliuloj — al la homoj kaj al la bestoj — sammaniere, kiel ni dezirus por ni mem".

## VEGETARISMO KIEL ESTADMANIERO

Malgraŭ ĉio ĉi tie dirita oni devas konscii, ke transiro al vegetara vivmaniero ne devas esti por la homo ĉiam ideala solvo. Ideala estas, se la gepatroj kondukas al vegetaraneco la infanojn. Al tiuj poste en matura aĝo la vegetara nutraĵo donas prosperon. Alia situacio estas, se por vegetarismo decidiĝas 40-jarulo.

Antaŭ ĉio oni devas prijuĝi la demandon, ĉu oni en ĉi aĝo ankoraŭ volas ŝanĝi la tutvivan nutradmanieron, ĉu nia sanstato permesos transiri al senvianda menuo, ĉu ni estas armitaj per sufiĉaj konoj por havi riĉan kaj ekvilibran nutraĵon.

Oni devas aldoni, ke homoj, kiuj transiras al vegetara nutradmaniero ne nur por fortigi la propran sanon, sed ĉefe pro tio, ke ili iras vivopadon de kompato kaj amo al ĉiuj vivaj estaĵoj, havas kun ĉi granda vivŝanĝo plej ofte neniajn problemojn.

**Michaela Scholzeová**
*laŭ la gazeto „Vital"*
*Stano Marček*

## Verda Apoteko

LA NATURSINO ESTAS AMOPLENA:

# LA ARBO POR NIA BELECO

**Malmultaj arboj estas tiel unikaj kaj popularaj kiel betulo blanŝela. Tiu ĉi eĉ 20-metrojn alta arbo kreskas pleje en Eŭropo, sur ebenaĵoj kaj en mezaj altecoj. Ĝi estas tre rezista kaj senpretenda kaj ĉar kreskas relative rapide, ĝi taŭgas por rekultivi surfacojn de minejoj kaj tie, kie oni devas ripari nesentemajn homajn intervenojn en la naturon.**

En majo kaj junio oni povas kolekti ĝiajn kuracajn foliojn. Tiam la junaj folioj havas la plej altan enhavon da efikaj substancoj.

La drogo enhavas flavonoidojn, rezinojn, sukerojn, vitaminojn, mineralojn kaj tre efikajn fitoncidojn.

Oni devas atenti, ke la folioj ne vaporumiĝu, tial oni en la korbo (tiu estas por la kolektado la plej bona) ne premu ilin. La foliojn ŝiru unuope, aŭ kombŝiru ilin per fingroj. Ne ŝiru la foliojn el la ekstremaj branĉoj kaj zorgu, ke sur la arbo restu sufiĉa foliaro.




La foliojn sekigu en ombro, en maldikaj tavoloj. Se oni sekigas arte, la temperaturo ne superu 35 gradojn. Atentu, malbone sekigitaj folioj ŝimas!

Dekokto de sekigitaj folioj taŭgas por piedlavado. Ĝi estas tre efika kontraŭ troa malagrabla piedŝvitado.

Iuj homoj laŭdas efikon de betulfolia dekokto al haŭto damaĝita per dartro.

Bonegajn fortigajn kosmetikajn efikojn al la organismo havas bano en varma akvo kun aldonita dekokto de betulfolioj. Tiun preparu jene: 10 kulerojn da sekigitaj betulfolioj metu en 4 litrojn da akvo, mallonge kuiru kaj lasu 15 minutojn ripozi. Poste enverŝu en la preparitan banakvon.

La folia dekokto favore influas deekstere por lavado de lokoj, trafitaj per reŭmato.

Oni povas ĝin ankaŭ trinki, ĉar ĝi forlavas el la organismo urinacidon kaj influas malsanojn, kiujn sedimentado de urinacidoj kaŭzas. Ĝi helpas ne nur kontraŭ reŭmato, sed ankaŭ kontraŭ troakviĝo, ishiaso, urinaj malfacilaĵoj kaj ren-malsanoj.

En popola kuracado oni uzas la teon kiel urinigan, dezinfektan kaj ŝvitigan rimedon. La drogo ne havas flankajn efikojn.

*Laŭ la gazeto Vital* **-stma-**
( El Esperantista Vegetarano)

# NACIISMO, TOLERO KAJ LA LINGVO DE ZAMENHOF

Mi skribis aliloke, ke la du plej grandaj malbonoj de nia jarcento estas naciismo kaj maltoleremo. Se mi revenas al tiu temo, tion kaŭzas ĉefe la fakto, ke eĉ al multaj esperantistoj ne estas evidenta la malboneco de tiuj du aferoj, malgraŭ tio, ke Zamenhof mem tute klare estis ne-politika sennaciulo, kaj pledanto kaj praktikanto de tolero. Iuj esperantistoj, erarigitaj de, cetere komprenebla sentimenta sento pri la peceto de la terglobo, kie ili naskiĝis aŭ edukiĝis, protestas, ke la nacioj estas fakto, kontraŭ kiu estas vane aŭ malutile agiti. Laŭ mi, estas kvazaŭ diri, ke Dio estas fakto, kontraŭ kiu estas vane aŭ malutile agiti. Ĉiuokaze, kancero estas ja fakto, sed ĝis nun ne aŭdiĝis voĉoj asertantaj, ke oni ne kontraŭbatalu ĝin! La koncepto de naciismo estas, je la nuna evolustadio de la homa sociaro, malbona kaj malutila, interalie ĉar ĝi malhelpas la ekonomian unuiĝon de la homaro, sed ankaŭ ĉar ĝi rekte kontribuas al la militismo, pro tio, ke senskrupulaj, aŭ nur stultaj politikistoj povas sur patriotisma bazo akceptigi militon kaj multajn aliajn fiaĵojn al la homamaso.

La koncepto pri nacieco estas malpreciza kaj artefarita ideo, reprezentinta stadion en la socia evoluo de la homaro. Ne ekzistas kontentiga difino de la nacio; hodiaŭ ĝi estas nek politika nek geografia unuo (la angla kaj skota „nacioj" ne posedas nacian suverenecon, kiel ankaŭ ne la serba kaj kroata „nacioj"); nek lingva unuo (france parolantaj „belgoj" ne enkalkulas sin en la francan „nacion", dum la „belga nacio" konsistas el du tute malsimilaj lingvaj komunumoj); nek kultura unuo (la svisa „nacio" estas kungluaĵo de kvar tute apartaj kulturaj tradicioj); nek, evidente, rasa unuo (kiel ajn oni difinas la vorton „raso"). Ĝi ankaŭ ne estas, en la dudeka jarcento, ekonomia unuo, kvankam ekspluatantoj klopodas krei la iluzion, ke ĝi estas tia. Ni povas tamen diri, ke la nacia unuo ja iam prezentis stadion en la socia kaj ekonomia evoluo de la moderna homaro, kaj ke la koncepto pri nacieco ankoraŭ postrestas la malaperon de la nacio kiel reala tia unuo. La koncepto pri nacieco estas tre nova aperaĵo, ĉar ĝi estis nekonata en okcidenta Eŭropo antaŭ 500 jaroj, kaj en Germanio, Italujo kaj orienta Eŭropo antaŭ 150 jaroj. Sekve la nacieca koncepto ne estas io „natura" aŭ „eterna", kaj en la moderna mondo ĝi devus esti jam arkaika.



La moderna mondo similas al la „Germanujo" de la frua deknaŭa jarcento. Tiam la moderna Germanujo konsistis el grandega aro de tute malgrandaj ŝtatoj, ĉiuj sendependaj kaj aŭtonomaj; ĉiu havis propran monsistemon, propran doganon, k.s. La stulteco de tiu aranĝo hodiaŭ ŝajnas al ni memevidenta; sed ne ĉiuj rimarkas la stultecon de simila aranĝo tra la tuta hodiaŭa mondo, en kiu neniu „nacio" estas vere sendependa. Neniu komunumo tra la tuta mondo, escepte — eble — kelkajn izolitajn insuletojn en suda Pacifiko, estas aŭ povus esti memstara, kaj netuŝata de ekonomiaj kondiĉoj en alia parto de la terglobo. Kaj tamen la mondo estas pli-malpli arbitre dividita en ŝtatojn konkurantajn, reciproke rivalajn, kiuj ofte utiligas por siaj celoj la pli romantikan nomon „nacioj", tranĉante la gorĝon unu al alia por akiri al si pli grandan porcion de la terriĉaĵoj. Al la akceptigo de tiu artefarita kaj malmorala situacio kontribuas pluraj tute arbitraj faktoroj, kiel ekzemple diferencoj de la haŭtkoloro, religio, kulturo, k. s. El ili, la plej grava kaj plej fundamenta tre verŝajne estas la lingvaj diferencoj. Homoj, kiuj ne kapablas komunikiĝi, estas nature suspektemaj unu pri la alia, kaj rimarkas ĉefe la supraĵajn diferencojn inter si, kaj ne povas percepti la fundamentajn similaĵojn. La genio de Zamenhof, kiel ni ĉiuj scias, brile sukcesis forigi tiun barilon, kaj komunikiĝante per Esperanto la homoj povas konstati la supraĵecon de la pli frue realŝajna „nacieco".

Tamen restas, kompreneble, tre realaj diferencoj inter la homoj (diferencoj, kiuj, kiel la klasaj diferencoj, ekzistas tute senkonsidere pri „naciaj" aŭ ŝtataj landlimoj), kiel ekzemple diferencoj de temperamento, vivkoncepto, religio, manĝkutimoj, vestaĵoj. Kaj, por ke la homoj kunvivu — ĉu laŭ monda, ĉu la strata nivelo — estas necese, ke ili reciproke toleru, kiel individuoj, tiujn diferencojn, kiujn ili nepre neniam sukcesus forigi, ĉu persvade, ĉu perforte. *La plej grandaj teruraĵoj estas ĉiam kaŭzitaj de homoj, kiuj, konvinkiĝinte pri sia propra pravo, nepre intencis devigi la aliajn homojn konformigi sin al ilia konvinkiĝo.* Tolero estas necesa ĉar (1) absoluta pravo ne ekzistas; (2) kio estas prava por unu estas malprava por alia; (3) neniam ĉiuj homoj konvertiĝos al unu koncepto; (4) oni ne povas perforte detrui ĉiujn malsamopiniantojn; (5) perforto ĉiuokaze estas malmorala kaj fine detruas la perfortintojn; (6) sen tolero ne ekzistas eĉ ebleco de daŭra paco. Evidente, tamen, tolero devas esti reciproka (ĉar kiel militemo unuflanka kreas militon, tiel ankaŭ maltoleremo unuflanka kreas perforton), kaj same evidente, oni ne toleru rektajn maljustaĵojn.

Sed eĉ en plej bona okazo, tolero estas neebla sen kompreno, kaj kompreno estas neebla sen komuna lingvo. Esperanto ebligas interkompreniĝon kaj sekve, eventuale, ankaŭ toleron. Tute senkonsidere pri aliaj faktoroj, ĝi estas la nemalhavebla antaŭkondiĉo por forigo de la du grandaj malbonoj de nia jarcento: la naciismo kaj la maltoleremo.

El la libro **Pri Lingvo kaj Aliaj Artoj (Stafeto)** de **William Auld**, kun permeso de la aŭtoro

***Ĉeĥa humuristo kaj satiristo Jaroslav Hašek (1883-1923) famiĝis precipe pro la mondfama romano Aventuroj de la brava soldato Ŝvejk, tradukita en sesdekon da lingvoj. Oni jam ne tiom scias, ke li verkis ankaŭ mil kvincent rakontojn, ke li estis ĵurnalisto, bohemo kaj mistifikanto. Ekz. kiel redaktoro de zoologia gazeto li elpensadis novajn speciojn de bestoj, pri kiuj furioze disputis pluraj profesoroj — sed ankaŭ la nomoj de tiuj profesoroj estis liaj propraj pseŭdonimoj... — Jen unu el liaj rakontoj.***

## Jaroslav Hašek: Inter Bibliofiloj



La plej malbona el ĉio, kio onin povas renkonti, estas fali en la manojn de literatur-amikino, kiu arigas ĉirkaŭ si en salono bibliofilojn kaj aranĝas literaturajn vesperkunvenojn, dum kiuj oni servas teon kaj kie al ĉiu amiko de la literaturo estas destinitaj du kuketoj.

Estas vere, ke mi ne devis viziti la literaturajn vesperojn ĉe sinjorino Herzánová, sed mi volis kontentigi la inviton de mia amiko, kiun mi iam kredigis, ke mi havas hejme originalan persan eldonon de poemoj de Hafiz, binditan en homa haŭto. La amiko tion disfamigis inter bibliofiloj kaj literatur-amikoj, kaj tio sufiĉis, ke ilia mecenato sinjorino Herzánová deziris, ke mi estu prezentita al ŝi.

En la salono mi trovis dek du sincerajn vizaĝojn, el kiuj rigardis min la tuta mondliteraturo. Mia alveno estis vive bonvenigita kaj la viro kun la poemoj de Hafiz, binditaj en homa haŭto, eble rajtis havi kvar kuketojn.

Mi do prenis el la plado kvar kuketojn kaj por la apud mi sidanta fraŭlino kun okulvitroj restis eĉ ne unu. Tio ŝin tiom malĝojigis, ke ŝi komencis pri la libro de Goethe „Elektemaj parencaroj".

Kontraŭ mi sidanta literaturhistoriisto turnis sin al mi kun demando: „Ĉu vi bonvolas koni la tutan Goethe-on?"

„De la kapo ĝis la kalkano," mi respondis serioze, „li portas flavajn laĉoŝuojn kaj loĝas en la Karmelita strato."

La bibliofiloj malgaje kaj riproĉeme ekrigardis min. La gastigantino, por kovri la embarasojn de la societo, demandis min: „Ĉu vi interesiĝas multe pri la literaturo?"

„Moŝta sinjorino," mi diris, „estis periodoj, kiam mi multon legis. Mi tralegis «Tri musketerojn», «Maskon de la amo», «Hundon Baskervillan» kaj aliajn romanojn. Ĉe najbaroj oni kolektis por mi roman-enmetaĵojn el «Politiko» kaj ĉiam post unu semajno mi tralegis ĉiujn ses daŭrigojn samtempe. La legado tre interesis min, kaj tial ekzemple mi ne povis ĝisatendi, ĉu grafino Leona edziniĝos al nano Rikardo, kiu pro ŝi fariĝis murdisto de la propra patro, kiu estis mortpafinta ŝian fianĉon pro ĵaluzo. Jes, la libro faras verajn miraklojn. Kiam mi fartis plej malbone, mi legis «Junulon de Messina». Deknaŭjara tiu junulo fariĝis rabisto. Lia nomo estis Lorenzo. Jes, tiutempe mi legis. Sed nun mi ne legas multe. Tio ne plu interesas min."

La literatur-amikoj paliĝis kaj longa ulo kun penetremaj okuloj demandis min kiel esplorjuĝisto severe kaj bruske „Ĉu vi interesiĝas pri Zola?"

„Mi scias pri li tre malmulte," mi diris, „mi aŭdis nur, ke li falis en la franca-germana milito dum la sieĝado de Parizo."

„Ĉu vi konas Maupassant? iel furioze demandis tiu viro.

„Mi legis de li *Siberiajn rakontojn*".

„Vi eraras," ekvokis indigne la apud mi sidanta fraŭlino kun okulvitroj. *Siberiajn rakontojn* verkis Korolenko kaj Sieroszewski. Maupassant estas franco."

„Mi opiniis, ke li estas nederlandano," mi diris trankvile. „Se li estas franco, li eble tradukos la *Siberiajn rakontojn* en la francan."

„Sed ĉu Tolstojon vi konas? diris la gastigantino.

„Mi vidis lian sepulton en kinematografo. Sed kemiisto kiel Tolstoj, kiu malkovris radiumon, meritis pli dignan sepulton."

Por momento ĉiuj eksilentis. La literatur-historiisto kontraŭe ekrigardis min per okuloj subplenigitaj per sango kaj ironie demandis: „Sed la ĉeĥan literaturon vi certe konas perfekte?"

„Mi havas hejme *La libron de ĝangaloj*, tio eble sufiĉas," mi diris emfaze.

„Sed tiu ja estas anglo, tiu Kipling," diris unu neparolema sinjoro, kaŝanta sian vizaĝon per la manplatoj, kvazaŭ li plorus.

„Pri Kipling mi ne parolis," mi ekvokis ofendite, „mi ja parolas pri *La libro de ĝangalo* de Tuček."

Mi ekaŭdis, ke du sinjorinoj flustris al si tiel, por

ke mi povu aŭdi tion, ke mi estas bestio.

Pala longhara junulo kun kunmetitaj manoj delikate eldiris al mi: „Vi ne komprenas la belecon de la literaturo, vi certe ne scipovas aprezi la stilon, la brilantan kunmeton de frazoj, vin ne entuziasmigas eĉ poemoj. Ĉu vi konas de Lilienkron la tekston, en kiu per vortoj li eksentas, eksupozas la belecon de la naturo: La nuboj migras, flugas, la bluaj nuboj flugas kaj flugas, super montoj, valoj, super la verda strio de arbaroj?"

Li altigis la voĉon kaj apogante sin je la ŝultro de la apude sidanta amiko de la literaturo, li daŭrigis: „Kaj kion la *Fajro* de D'Annunzio? Se vi legus la belegan, trafan priskribon de la veneciaj festoj kaj samtempe la romanon de la amo..."

Li ekrigardis la gasmufon, permane li viŝis la frunton kaj atendis, kion mi diros pri tio.

„Mi bone ne komprenis vin," mi diris, „kial verdire tiu D'Annunzio bruligis la fajron dum la festoj? Kiomjaran punon li ricevis pro tio?

„D'Annunzio estas la plej glora itala poeto," klarigis al mi la nelacigebla fraŭlino kun okulvitroj.

„Estas strange," mi rimarkigis senkulpe.

„Kio estas stranga en tio?" ekkriegis laŭ la ĝusta senco de tiu vorto la sinjoro, kiu ĝis nun ne diris eĉ vorton, „ĉu vi konas entute iun italan poeton?

Mi respondis dignoplene: „Certe. Robinsonon Crusoe." Mi ekrigardis ĉirkaŭ mi post tiuj ĉi vortoj.

La dek du amikoj de la literaturo kaj bibliofiloj en tiu ĉi momento griziĝis kaj la dek du frutempe griziĝintaj amikoj de la literaturo kaj bibliofiloj elĵetis min tra la teretaĝa fenestro sur la straton.

**El la libro Ne nur soldato Ŝvejk**
*(Eldonejo KAVA-PECH)*
**El la ĉeĥa tradukis: Jiří Patera**

**Eli Urbanová:**

## Laŭ mia edzo

**Laŭ mia edz',**
**al kiu multajn dankojn,**
**de la gepatroj**
**heredis mi nur mankojn.**

**Ja aŭdas mi,**
**pardonon, eĉ tro ofte,**
**ke mi naskiĝis**
**por peki tage-nokte.**

**Brrr... Havas mi**
**neniun bonan econ.**
**Se vi ne kredas,**
**demandu mian edzon!**

**...**

*El la libro PEZA VINO*
*(Eldonejo KAVA-PECH)*



**Jiří Karen:**

## Eterne Juna Bubo

**Malfacilas de nudulo vestaĵon ŝiri**
**Homon senmonan priŝteli**
**Ĉevalon el ligno por batalo seli**
**Vana provo loĝi en domo**
**se mankas kamentubo**

**Ĉevale tankon ataki**
**homojn surdajn ĥore igi kanti**
**Bonan tagon ĝentile diri**
**al homo kiu murdis mian patron**

**Ridindas saĝon mesaĝi en frenezulej'**
**Estinte senkrura salti plej alten**
**Tamen mi al homoj kredas**
**mi eterne juna bubo**



## Ankaŭ ion pri poetoj fine

**Ĝojo tristo kolero amo paco**
**varias la homaj sentoj**
**Bonas ke niaj poetoj**
**ne kreas idente**
**(Kia estus tio laco)**

**Iu ploras sentimente rememoras**
**prikantas solecon de volupto foras**
**iu pli iras al montaroj**
**aliu dormas sen agoj kaj faroj**
**iu abstinentas aliu drinkas**

**iu en marprofundon sinkas**
**iu kriaĉas aĉe aliu solene kantas**
**iu ĝis pinto de montaroj grimpas**
**aliu en mortabismojn sinkas**
**iu hororas aliu per floroj odoras**

**iu admiras senbridan ĉevalon**
**kun ĝi rajdas li tra la mond'**
**aliu kun azeno piedas tra valoj**
**iu ŝate amas lakton**
**aliu la seksan arton**

**Bonas ke la poetoj antipodoj estas**
**kreas ne nur la hororojn aŭ odojn**
**grave ke ĉiuj kun la diabla beleco**
**kontraktis la pakton**
**(por rapti la pecon de senmorteco)**

**...**

*El la manuskripto*
*Kantoj de vaganto sur planedo Ĝoja Ĝajmalo*
*donacita de Jiří Karen al la legantoj de ES*
*okaze de la UK en Prago*



*Kara sinjoro Marček,*

dankon pro la regula sendado de Esperantisto Slovaka. Mi ĉiam denove ĝojas retrovi la nomojn de homoj, kun kiuj mi siatempe tre volonte kaj agrable kunlaboris. Ili fartu bone ankaŭ en la estonteco.

**Detlev Blanke, Germanio**

*Estimata s-ro Marček,*

mi multe dankas vin pro la numero de la revuo „Esperantisto Slovaka", kiun vi bonvolis sendi al mi. La apero de via revuo kune kun la novaĵo pri la refondo de Slovakia Esperanto-asocio estas tre bonaŭguraj signoj pri tio ke post periodo de reorganiziĝo la slovaka movado estas ree preta paŝi antaŭen.

Pri la revuo mem mi devas diri ke ĝi estas tre altkvalita kaj ne timas la komparon kun la plejmulto de la landaj Esperanto-revuoj. Je la unua okazo mi ĝiros mondonacon al via konto ĉe UEA.

Te amikajn salutojn kaj ankoraŭfojan dankon

**Renato Corsetti, Italujo**

*Kara Stano,*

nur mallongan gratulon pro la nova Esperantisto Slovaka, kiu plene atingis la altan nivelon kiun mi atendus de vi... Ĝi longe prosperu! Elkore,

**Mark Fetes, Ontario, Kanado**

*Estimata sinjoro,*

mi ĵus unuafoje vidis numeron (1/97) de Esperantisto Slovaka, kaj ĝi tre favore impresas min pro kaj la kvalito kaj la enhavo. Mi deziras aboni, sed mi ne scias kiom pagi. Mi petis al UEA transdoni 50 nederlandajn guldenojn el mia konto en la konton vian. Se estas problemoj (ekz. se mi ne pagis sufiĉe), bonvolu informi min.

Samideane salutas vin

**Stevens T. Norvell, Jr., Usono**

(Resp. de la red.: koran dankon, via mondonaco estis malavara!)

*Kara samideano,*

jam antaŭ kelkaj semajnoj mi ricevis la 2-an ĉi-jaran numeron de Esperantisto Slovaka kun tre interesa kaj ĝojiga enhavo. Mi gratulas al la slovakaj esperantistoj pro la fondo de la nova organizo, Slovakia E-Federacio. Mi estas konvinkita, ke Esperanto progresos en Slovakio ankoraŭ pli sukcese ol ĝis nun.

Rigardante la adresan flankon de via revuo kun granda miro mi vidis la 20-kronan poŝtmarkon. Ĉar mi pagis al vi por la nuna jaro 100 Kč, mi pagis fakte nur la afrankon. Pro tio mi nun sendas al vi plian centkronan bileton por vere pagi la revuon...

Mi deziras konstantan prosperon al via laboro kaj salutas vin samideane.

**Jiří Patera, Praha, Ĉeĥio**

*Estimata samideano,*

mi bonorde ricevis la unuan numeron de via revuo Esperantisto Slovaka. Mi multe dankas vin. Ĝi estas tre interesa. Mi prezentos ĝin dum venonta kunveno de nia Brusela Grupo. Ni esperas kompletan sukceson por viaj esperantistaj agadoj.

Mi informas vin ke APE (por Valonio) kaj EBG (por la Brusela Grupo) ankaŭ havas proprajn retpaĝojn en la interreto je la adreso: http:/www.knooppunt.be/be~esperbf. La ĉefa paĝo troviĝas je la adreso: http:/www.knooppunt.be/be~esperbf/ESPERBE.HTM — Ĝi enhavas ĉefajn informojn pri BEF kaj poste pri APE, EBG kaj FEL kun hiperligoj al la propraj retpaĝoj de tiuj tri asocioj...

Ni ankaŭ disponas nun pri RETADRESO por APE kaj BEF: esperbf@knooppunt.be.

Tutamike via kaj esperante pluajn interrilatojn

**Claude Glady, Bruselo, Belgio**

*Kara Stano,*

gratulojn por via interesa kaj bonega revuo. Mi volas aboni ĝin...




Via revuo estas leginda kaj eĉ mi konsideras ĝin kiel ekzemplon por la tuta movado. Mi ŝategus, se la nia francia „Franca Esperantisto" estus tia, sed verŝajne mi revas tro. Cetere en via gazeto estas multaj novaĵoj pri la movado, kaj mi esperas ke slovakaj esperantistoj bone uzas ĝin por sia varbado.

Mi trovis informon pri Esperantista Vegetarano: mi ŝatus ricevi prov-ekzempleron de ĝi... Ni fakte en JEFO organizas delonge Gastronomiajn Semajnfinojn kaj planas unu kiu estos Vegetara Semajnfino.

Ĝis baldaŭ,

**Pascal Lecaille, Francio**

*Kara Stano,*

ES 1/97 atingis kaj tre interesas min, ĉar ĝi plenas je retaj novaĵoj. Tre bone farite! Daŭrigu tiel kaj de tempo al tempo aperigu pri ĉi tiu temo!

Esperebie ankaŭ via TTT-paĝo baldaŭ pretos. (Respondo de la red.: Jes! La adreso: www.esperantisto.sk). Mi ŝatus aŭdi novaĵojn pri vi mem, pri via ĉarma familio kaj viaj okupoj. Dankon kaj korajn salutojn.

**Andy Künzli, Svislando**

*Kara Stano,*

koran dankon al vi pro la numero de Esperantisto Slovaka. Mi admiras ĝian brilan aspekton kaj enhavon. Gratulon!

Mi ja memoras, kiel aspektis la gazeto antaŭ multaj jaroj. Cetere, iam antaŭ longege mi aperigis tie mian korespond-deziron...

Kun bondeziroj,

**Boris Kolker, Usono**

*Tre estimata Sinjoro Redaktoro,*

mi salutas vin korege kiel ricevinto de ekzemplero de Esperantisto Slovaka. Koran dankon kaj komplimenton pro la kvalito de la enhavo. Mi pardonpetas, se mi tamen ne abonas kaj nur deziras sukcesplenan daŭrigon de via modela laboro.

Mi estas fervojisto kaj kun intereso mi legis vian raporton pri la IFEF-kongreso. Samtempe kun ĉi tiu kongreso okazis ja en Stuttgart la Eŭrop-Unia Esperanto-Kongreso, kie mi deĵoris en LKK. Unue mi taksis la samtempecon malfavora, sed ŝajnas, ke tamen ambaŭ kongresoj sukcesis.

La fervojistoj ankoraŭ bone laboras, sed preskaŭ ne eblas gajni novajn membrojn pro multaj kaŭzoj. La nova organizo de la privatigita entrepreno ankaŭ malfaciligas tion. Mia espero estas la junularo, kiu ekzistas, sed ne ĉe la fervojistoj.

Ĉion bonan deziras al vi kaj via movado

**Siegfried Krüger, Germanio**

*Kara amiko,*

mi ricevis la du gazetojn antaŭ kelkaj tagoj. Artikoloj pri Interreto ĝojigis min kaj la bel-redakto surprizis min, ĉar mi jam scias, ke la gazeto estis redaktita per Macintosh kaj la programo ClarisWorks. Fakte, mi finfine aĉetis la programon japan-versian tuj post la ricevo...

Ankaŭ informoj pri por mi malmulte konata Slovakio interesas min. Fakte al mi ne mankas informoj nur pri Slovakio, sed pri la tuta orienta Eŭropo. Kaj mi sciis, ke ankaŭ en orienta Eŭropo E-organizoj ĉiam suferas pro financaj problemoj simile kiel en Japanio. En tia situacio via gazeto estas eldonata je liber-vola abonkotizo. Kia bonegeco! Mi kredas, ke la gazeto estas amata de multaj homoj ne nur en Slovakio, sed ankaŭ en proksimaj landoj.

La gazetoj bone informis min pri nuna E-movado en Slovakio kaj en orienta Eŭropo. Mi volonte informos pri la gazeto japanajn esperantistojn, ĉefe per komputila reto en Japanio kaj ankaŭ buŝe. Tion mi promesas al vi.

Mi bedaŭras, ke en Japanio ne ekzistas Esperanta gazeto nur en Esperanto, kiun mi povus sendi al vi. Ekzistas nur literatura gazeto Esperanta, sed preskaŭ ĉiuj aliaj gazetoj estas ĉefe skribitaj en la japana lingvo, kiun vi ne povus kompreni.

Amike via

**Yano Tsutomu, Japanio**

*Kara samideano,*

*kun ĝojo mi eksciis, ke mi estis lotumita kaj gajnis libropremion pro ĝusta solvo de la krucenigmo el ES2/97. — Ĝis nun mi neniam gajnis... Samtempe mi sendas kaŝfrazon de plua krucenigmo el ES3/97...*

*Mi almetas du novajn E-bildkartojn de Prostějov kaj Moraviaj urboj, eldonitajn fare de E-klubo Prostějov. Sur ambaŭ troviĝas okaza stampo de Renkontiĝo de Moraviaj kaj Sileziaj Esperantistoj, okazinta hieraŭ en Přerov. La renkontiĝon (okaze de 85-jariĝo de la unua aranĝo) iniciatis esperantistoj el E-kluboj Prostějov, Přerov kaj Olomouc. Partoprenis preskaŭ 70 esperantistoj el diversaj lokoj de nia lando, Slovakio kaj Pollando.*

*Kun deziro pri multaj sukcesoj en via agado elkore salutas vin*

**Milan Smělý, Prostějov, Ĉeĥio**

*Estimara sinjoro Marĉek,*

*koran dankon pro via letero kaj pro la interesa gazeto ES...*

*En ES precipe atentokapta estas via artikolo Verda Apoteko. Longtempe mi ne konsumis pomojn sed nun mi aĉetadas ilin en proksima vendejo, ekde nelonge direktata de turkoj, homoj afablaj.*

*Antaŭ longe mia edzo Petra kaj mi kelkfoje vizitis Slovakion. Ni estis en Košice kaj en Altaj Tatroj. La nelongaj restadoj plaĉis al ni.*

*Mi finas kun koraj salutoj*

**S-ino M. van Bentum, Den Haag, Nederlando**

*Redakcio de ES, s-ro Marĉek*

*Mi sendas al vi mian solvon de la krucenigmo en ES 3/97: Proverbo estas sperto, proverbo estas averto". Mia versio: „Proverbo estas vortludo pri popolsaĝeco".*

*La lasta numero de ES vere plenumas la titolerojn el la frontpaĝo, nur (laŭ mi) mankas inda proza legaĵeto aŭ fragmento el iu interesa E-verko kaj por iuj ankaŭ iu poemeto. Kial mi tion mencias? La raportajn legaĵojn ŝate legas funkciuloj, precipe la siajn (!), sed tiuj aliaj, da kiuj estas multe pli, pli ŝate legas ion ĝeneralan aŭ amuzan ol iajn funkciulajn faktojn, kvankam ili nepre estas tre gravaj por nia movado. Tiun ĉi fakton preskaŭ ĉiuj farantoj de E-gazetoj forgesas aŭ eĉ intence ignoras, kaj tiel okazas, ke la E-plebo ne havas kion legi por sia ĝuema lingva kulturado, ĉar la E-libroj pro la troaj kostoj ne estas por ĝi allogaj. Eble eĉ tio estas la kialo, kiu soligas E-funkciulojn. Oni devas konscii, ke sen plebo ne povas ekzisti eĉ reĝo. Kaj en nia kazo: sen plebo estas nek monprofito, nek la venko de „za-fa" ideo!*

*Mi petas vin, pardonu al mi mian rektan skribstilon, mi ja alia jam ne estos.*

*Kun sincera saluto*

**D. Kostolný, Ružomberok**

*Estimata sinjoro redaktoro,*

*Vendrede venis al mi kelkaj miaj amikinoj, seniorinoj"-esperantistinoj kaj ni diskutis ĉe kafo kaj biskvito pri poezio, tradukoj, literaturo, religio, filozofio kaj alternativa medicino. Mi legis al ili el Esperantisto Slovaka 3/97 kaj ni decidis aboni ĝin.*

**Sonja Zedníková, Praha, Ĉeĥio**

*Estimata kaj kara redaktoro,*

*vizitante Francion dum tri monatoj helpe de la franca familio Duchateau en Nieppe (Lille), kiu adoptis du vjetnamajn infanojn en Hanojo pere de Esperanto kaj mia helpo, mi hodiaŭ vizitis la kulturan E-Domon Kastelo Gresiljono kaj kun ĝojo legis tie la informon pri denova fondiĝo de E-asocio en Slovakio. Mi tutkore gratulas pro tio kaj volas legi regule vian ŝatatan gazeton Esperantisto Slovaka.*

*Amike via*

**Dang Dinh Dam, Hanojo, Vjetnamio**

*Karega samideano Stano,*

*koregan saluton el orienta parto de slovaka Esperantujo kaj tutkoran dankegon pro via oferema laboro E-kampe. Mi dankas al vi, ke vi prenis malfacilan taskon reeldonadi tre gravan*




*informilon kaj amuzilon de ĉiuj esperantistoj en Slovakio.*

*Mi ankaŭ dankas al vi por belega muzikalbumo de TEAM' en Esperanto, kiun mi multfoje aŭskultis. Tio pruvas, ke Esperanto estas tre taŭga lingvo eĉ por „rok-muziko".*

*Memkompreneble mi legas ES ekde kovrilo ĝis kovrilo, ĉar la enhavo estas ege interesa, diversstila, bunta kaj abunda. Mi gratulas al vi, ke vi sukcesis krei vere dignan gazeton, je kiu povas esti fieraj ĉiuj slovakaj verduloj. Nur unu peto: Ĉu ES ne povus esti almenaŭ dumonata revuo?*

*Mi kun granda ĝojo legis reklamon al nova E-videofilmo. Mi mem partoprenis la 81-an UK-on en la plej bela urbo de la mondo — Prago. Memkompreneble mi tuj mendas ĝin...*

*Dankon, ke vi aperigis tutajn interretpaĝojn, ĉar por la unua fojo mi povis vidi kiel aspektas unu paĝo en Interreto. Bedaŭrinde, kvankam mi havas komputilon kaj eĉ E-programon Ĉapelilo 2.0, interreto estas por mi sufiĉe multekosta afero.*

*Mi tutkore deziras al vi ĉion plej bonan, multajn ideojn kaj surprizojn, kiuj eble aperos en ES. Vivu longe kaj bonsane, kun Esperanto akompane! Via fidela leganto*

**Paľo Petrík, Pečovská N. Ves**

***Vážená redakcia!***

*Píše Vám nový záujemca o esperanto. Dňa 4.10. minulého roku som bol na stretnutí E-klubu, tu, v Košiciach. Tam sa mi dostalo do ruky prvé tohotoročné číslo Vášho časopisu. Ani si neviete predstaviť, ako som sa mu potešil, aj napriek tomu, že článkom (zatiaľ) nerozumiem. K môjmu rozhodnutiu naučiť sa esperanto prispel aj váš časopis. Prikladám objednávací lístok, kde som vyplnil aj anketu. Čo sa týka ankety, označil by som všetky témy, ktoré sú tam uvedené, pretože to všetko do takéhoto časopisu patrí, o čom svedčí aj prvé číslo, ktoré sa mi veľmi páči, pretože je pestré. Veľmi sa mi tiež páči dobrá kvalita tlače a vyhovuje mi aj používané písmo.*

*Na záver Vám želám, aby sa Vám darilo a aby časopis nezanikol. Bola by ho veľká škoda.*

*Kore vin salutas*

**Ján Machata, Košice**



**Petro Chrdle:**

# Ĉu vere ne plu intereso pri Esperanto?

En tiu ĉi artikoleto mi volas prezenti kelkajn spertojn kolektitajn dum la eldonado de Esperanto-libroj kaj speciale de lingvaj helpiloj por ĉeĥaj esperantistoj.

Multaj certe scias, ke mi fondis negrandan entreprenon KAVA-PECH (mallongigo de la ĉeĥa *Kongresová Agentura Petra Chrdleho)*. Ĝi jam estas sufiĉe konata kiel aranĝanto de fakaj konferencoj (plejparte por Karola Universitato en Prago kaj por fervojistoj), sed ankaŭ por esperantistoj (AdE, SAT, UEA, ĈEA aŭ por propraj aranĝoj). Ĝuste de la fakaj aranĝoj, kiuj ofte portas la bezonon eldoni fakajn librojn (prelegojn) en malgranda kvanto, originas agado de KAVA-PECH kiel profesia eldonejo. Vane mi strebis konvinki eldonejojn, ke multaj prelegkolektoj estas tiom valoraj, ke ili meritus porti ISBN (internacian standardan libronumeron), krom se mi pretus pagi astronomiajn sumojn. Tial volenevole mi estis devigata mem aliĝi al ISBN kaj komenci profesie produkti librojn. Sed mi ne bedaŭras. La eldonadon trovis tre interesa ne nur mi mem, sed ankaŭ mia edzino, kaj hodiaŭ ni jam povas fanfaroni, ke ni aperigis ĝis nun 44 librojn (inkluzive 4 en finpreparo). El tiu kvanto 27 eldonaĵoj havas rilaton al Esperanto: 11 estas skribitaj en Esperanto , 5 estas parte en Esperanto, parte en la ĉeĥa, 4 enhavas E-resumojn aŭ iun parton en Esperanto kaj 8 estas skribitaj en la nacia lingvo, tamen temas pri la traduko el Esperanto.



Mi do kuraĝas diri, ke en la eldonado de E-libroj kaj ilia distribuado mi havas spertojn. Nun mi montru kelkajn trajtojn de tiu laboro, precipe reagojn de librovendistoj kaj distribuantoj, kiujn mi aŭdadis dum ofertado de niaj libroj. Oftege mi aŭdas: „Esperanto? Ĉu ĝi ankoraŭ ekzistas? La tempo, kiam estis intereso pri ĝi, ja pasis antaŭ longa tempo. Neniu demandas pri Esperanto. Kiu aĉetu tion?“ Ktp. Ne tiom gravas por ni; ni klarigas pacience, argumentas, kaj ofte eĉ sukcesas konvinki librovendistojn, ke ili aĉetu kelkajn ekzemplerojn. Jam kelkfoje okazis, ke librovendejo remendis forvenditajn lernolibrojn aŭ vortarojn. Ĉar tia okazaĵo estas granda festo por ni, ni kun Stanjo ĉiam tostas je pli da tiaj sukcesoj. Sed ne zorgu, ne estas tiom ofte, ke ni fariĝu alkoholdependaj ebriuloj!

Tiaj remendoj estus certe ĝojiga fenomeno, se ili ne estus tiom raraj kaj se ili ne estus akompanataj de tute alia fenomeno, kiu igas nin malgajaj. Mi nomu almenaŭ kelkajn ekzemplojn: En Hořovice, dum mia dua vizito de la librovendejo post preskaŭ unu jaro, mi metis specimenojn de niaj libroj sur la tablon kaj la estrino tuj montris al la vortaro kaj lernolibro de Esperanto, dirante: „neniu interesiĝas pri tiu via Esperanto, do post multaj monatoj mi donacis la du librojn en tombolon“. Alia ekzemplo de granda librovendejo en Brno, kies estro aĉetis antaŭ unu jaro la plej grandan kvanton (po 20 ekzempleroj). Sed dum venonta vizito li respondis, ke la tuta stoko estas apenaŭ tuŝita, nome li vendis unu vortaron kaj unu lernolibron. Kaj mi ne povas argumenti, ke li havas ilin kaŝitaj: ambaŭ titoloj estis dum multaj monatoj en montrofenestro. Mi eĉ ne miras, ke librovendejoj kun tiaj spertoj aĉetis nenion de niaj novaĵoj. Certe mi ne bezonas klarigi, ke mi sentas min iam preskaŭ trompulo, kiu konvinkas aĉeti nevendeblajojn, do perdi sian monon. Mi multe pripensas la kialojn. Dum komenca periodo de nia eldonado mi strebis konvinki esperantistojn, ke ili demandu en librovendejoj pri E-lernolibroj, eĉ se ili ne intencas aĉeti ilin, por ke la librovendistoj vidu la intereson kaj mendu ilin. Mi estis sincere konvinkita, ke preterpasanto pro scivolemo aĉetos ilin, do la vendejo ne perdos. Mi ne plu faras tion, ĉar mi ne volas esti malhonesta post la sperto, ke vere temas pri apenaŭ vendebla varo.

Nun mi fine ekkomprenis, ke ne estas alia vojo, ol pacience strebi levi la konscion pri Esperanto (do ankaŭ scivolemon) de la ĝenerala publiko. Sed por tio ne sufiĉas unu persono. Mi mem faras, kion mi povas. Mi jam sukcesis instigi du intervjuojn kun mi en la gazeto Knihy 96 kaj Knihy 97, same kiel en Internet 4U (legu: for ju), en kiu mi laŭ miaj ebloj kaj kapabloj objektive informas pri Esperanto. Tio ne estas nova ideo. Ni, esperantistoj, sentas la bezonon aperigi informojn pri Esperanto. Sed tio ne sufiĉas. Ni devas serĉi konvenan medion, en kiu ni povas informi (plej bone samfakulojn). Esperanto ne ĉiam devas esti en la titolo. Eĉ pli bone, se temas pri io alia kaj Esperanto estas nur menciita, ekzemple kiel ĝi bone servis por..., ĉar se infektita persono komencas mem demandi por ekscii pli, estas pli akceptema al novaj informoj, do la rezulto estas pli efika. La plej grava afero estu, ke la ĝenerala publiko estu objektive informita kaj perdu antaŭjuĝojn koncerne Esperanton. Nur de tiamaniere preparita popolo povas veni pli granda intereso pri Esperanto.

Resume kaj kongrue kun la titolo: Vere estas nuntempe malpli granda intereso pri Esperanto, ol estis antaŭ kelkdek jaroj. Sed ni ne kulpigu la homaron. La kulpo estas niaflanke. Ni ne atendu miraklojn kaj ekagu. Ĉiu, kiu vere kredas je utileco de Esperanto, parolu kaj verku pri ĝi, objektive, ne fanatike, pacience. Kaj mi kredas, ke la rezultoj venos. Kaj post tempo eĉ lernolibroj de Esperanto estos dezirataj. Tio estos certe la unua signo, ke nia varbado estas efika. Kaj mi, kiel eldonisto, se mi ĝisvivos tion (pri kio mi, eterna optimisto, esperas, kvankam mi konscias, ke temas pri malrapida evoluo), certe ĝoje informos vin pri tio. *(El Starto)*

# Mendebla en la Redakcio

## E-LIBROJ DE LA ELDONEJO KAVA-PECH

*MENDEBLAJ EN LA REDAKCIO DE ESPERANTISTO SLOVAKA:*

***A. Schnitzer: SONĜONOVELO.*** Aventuroj de unu nokto en novelo de la aŭstra verkisto, 128p. Prezo: 126 Sk (15gld)

***Václav Havel: AŬDIENCO.*** La plej konata teatraĵo de la nuna prezidanto de Ĉeĥa Respubliko. El la ĉeĥa trad. Josef Vondroušek, 20cm, 40p. Prezo: 42 Sk (4,80gld)

***F.Kafka: SONĜO KAJ ALIAJ RAKONTOJ.*** Kolekto de 17 rakontoj de la fama germane verkinta praga judo. Trad. W. Luttermann, 20cm, 104p. Prezo: 126 Sk (15gld)

***Eli Urbanová: PEZA VINO/TĚŽKÉ VÍNO.*** Poemkolekto de la mondkonata E-poetino en dulingva eldono Esperanta-ĉeĥa. Elektis kaj tradukis J. Rumler. 20cm, 40p. Prezo: 39 Sk (4,50gld)

***J. Hašek: NE NUR SOLDATO ŜVEJK.*** Humuraj rakontoj (vidu Beletran Angulon en ĉi n-ro de ES!). 20cm, 248p. Prezo: 126 Sk (21gld).

***P. Chrdle: LA STATO KAJ ESTONTECO DE LA INTERNACIA LINGVO ESPERANTO.*** Prelegkolekto de la unua kolokvo de Akademio de Esperanto (Prago 1994). Prezo: 147 Sk (24gld).

***P. Chrdle: PROFESIA UZO DE ESPERANTO KAJ ĜIAJ SPECIFAJ TRAJTOJ.*** Priskribo de spertoj en profesia uzado de Esperanto, 20cm,40p. Prezo: 38 Sk (3,90 gld).

***D.Maxwel: LINGVO KAJ KIBERNETIKO.*** Prelegkolekto el internacia konferenco TAKIS. La verko ricevis la premion Pirlot en 1994. 128p., 21cm. Prezo: 142 Sk (21gld.).

***J. Kavka: KONTRIBUE AL PIV.*** Homonimoj en Esperanto konsiderataj nomenklature. 40p. Prezo: 30 Sk (4,20 gld).

***S. Chrdlová - M. Malovec: BAZA ĈEĤA KONVERSACIO.*** Oftaj frazoj kaj vortoj por rekte komuniki kun Ĉeĥoj. 16cm, 32p. Prezo: 30 Sk (3 gld).

***P. Chrdle - S. Chrdlová: ESPERANTEM ZA 3 MĚSÍCE.*** Netradicia lernolibro de Esperanto por Ĉeĥoj. 20cm, 160p., Prezo: 69 Sk (7,50 gld).

***Kraft-Malovec:ESPERANTA-ĈEĤA VORTARO.*** Nova vortaro kun pli ol 28.000 terminoj, 16cm, 272p. Prezo: 129 Sk (12gld).

***Eksterlandaj interesiĝantoj** bonvolu la librojn mendi rekte ĉe: KAVA-PECH, Petro Chrdle, Anglická 878, 252 29 Dobřichovice, Ĉeĥio. UEA-konto: kape-p. Retpoŝto: chrdle@kava-pech.cz*

### SOLVO EL „ES 3/97":

***„PROVERBO ESTAS SPERTO, PROVERBO ESTAS AVERTO"***

Libropremion de la eldonejo KAVA-PECH (J. Hašek: „Ne nur soldato Ŝvejk") ricevas: inĝ. Tibor Kepencay el Dunajská Lužná, Slovakio. Koran gratulon al la gajninto kaj al la ceteraj multajn sukcesojn kaj paciencon dum la solvado kaj feliĉon dum la venonta lotumado!






## KOBOLDA KONKURSO!

    

En la pasinta n-ro la ES-redaktoro, kunlabore kun la preseja koboldo, lanĉis novan Koboldan Konkurson, kies celo estas malkovri la tajp-, stil- kaj gramatik-erarojn, kiujn la ruza koboldo tre atente kaŝis en la gazeton. La konkurso alportis ŝokajn rezultojn, pro kiuj la redaktoro proklamis militon al la koboldo. Ĝis kiam estos konata rezulto de la milito (ni esperu ke ne venkos la koboldo!), la konkurso daŭros. Ĉi certe alportos amuzon kaj ĉefe instruon al ni ĉiuj. La premion — E-libron de la eldonejo KAVA-PECH — ricevas s-ino Nora Caragea el Germanio. Koran gratulon! Kiu venkos venonte?

# Libervolaj Mondonacoj

***La abonkotizo por Esperantisto Slovaka estas** <u>libervola</u>. **La gazeton ricevas ĉiu, kiu al la redakcio sendas almenaŭ unufoje jare mondonacon, laŭ siaj eblecoj kaj laŭ la emo helpi. La libervolaj mondonacoj estas la unusola enspezfonto de la gazeto, do la kvalito, amplekso kaj aperritmo dependas de la regula monsubteno de la legantoj.***

***La redakcio dankas pro la ricevitaj mon-donacoj:***

**Belgio:** Association pour L'Esperanto 10gld. **Ĉeĥio:** Bartová 100, Hradská 200, Líšková 50, Šmardová 200, Šváb 50, Tomíšek 100, Zubová 200 Kč. **Francio:** Lecaile 30gld, Pontnau 50 FF. **Germanio:** Führer 50 gld. Lewanderska 20DM. **Hispanio:** Casquero 300 Sk. **Hungario:** Balczer 150, Bodorné 200, Dr. Ferenczy 150 Sk. **Islando:** Saemundsson 40 gld. **Italio:** Tarducci 2000 IL. **Nederlando:** Bentun 30, Hagen 40 gld. **Norvegio:** Olsen 20 gld. **Pollando:** Oleszek 10 USD, Sobol 240 Sk. **Slovakio:** Cibulková 150, RNDr. Bobeš 200, Gaálová 150, Frčka 100, Chutková 100, Kolibár 50, Koudel 200, Kreková 200, Lazarová 200, Ondriašová 80, Seres 300, Trančík-Bohunická 200 Sk.

***Kara Leganto,***

***estas tempo por sendi abonpagon por 1998! Esperantisto Slovaka bezonas vian monsubtenon, kvankam ĝi estas libervola. La enlandaj legantoj bv. tion fari per la almetita poŝtpagilo (eblas sendi ankaŭ validajn PMojn aŭ monbileton enkoverte) eksterlandanoj povas sendi monbileton aŭ uzi la UEA-konton stma-a. Ne forgesu, ke ES bezonas vian subtenon. Bonvolu fari tion se eble tuj...***



| ES | LA UNUA KAŜITA PROVERBO | FINAĴO DE VOLITIVO | KILOGRAMO | FARITA EL MULTEKOSTA METALO | ES | SENSALAKVA RABOFIŜO | ELĴETU TRABUŜE NUTRAĴON | INFINITIVA FINAĴO | TAJLANDO, KAMBOĜO (aŭtosimboloj) | GRANDA ARBARA BEST' | ES | PROFITO, BONEFIKO | FADEN' EL CERBO | LA DUA KAŜITA PROVERBO |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| MALANTAŬA PARTO DE LA KOLO | | | | • | PENU NE RENKONTI / KAŜITA RIDINDIG' | | | | | | NUMERALO / GASA HIDROKARBIDO | | | |
| LA TRIA TONO | | MIKSITA NIGRE-BLANKO / „MUROJ" DE KUBO | | | | | | STULTEGUL' / MUZIKA TEATRAĴO | | | | | | |
| TUTE PROKSIME | | | DELIKATA ODORO / IDENTA | | | | | | DIREKTU VETURILON / APARTENANTAN AL ILI | | | | | |
| VENINTA PENS' | | | | PRENI EN POSEDON / SPIRITA ATMOSFERO | | | | | | NOMO DE EDISON / ENĈAMBRA LITNIĈ' | | | | |
| GRANDA MUZIKA INSTRUMENTO | | | | | | | ENTUZIASMO / FLAVHARA (Radiko) | | | | | | FOSFORO (kemia simb.) / RILATA AL ETA BAKAĴO | |
| VETURI PER REMŜIPO | | | | | | VIVA HELLUMO / DEKPIEDA KRUSTULO | | | | | | SIMBOLO DE BARIO / GALLO, HINDEŬROPANO | | |
| KUIREJA AKRAGUSTA BULBO | | | | | KANAL' POR MALPURAĴOJ / SEGITA ARBPECO | | | | | | HORIZONTALA POZICI' / KORPKOVRILO | | | |
| TUNO (mallongigo) | | ĈIELA KORPO / MANĜEBLA KARN' | | | | | | MALLONGA LIT. VERKO / HOM' KUN DORSKURBAĴO | | | | | | |
| PRAPATR' | | | SUDA FRUKT' / SEKBRUA | | | | | | SEKIĜI (pri floroj) / LUKSA TRINKVAZ' | | | | | |
| HINDA SEKTAN' EN PANĜABO | | | | MEMVOLA EKSOFICIĜ' / MALHUMILE POSTUL' | | | | | | VERTIKALA POZICI' / TIROIDA TUMOR' | | | | |
| UNUJARA HERBO (teksaĵoj, haŝiŝo) | | | | | | | LIGNECA FIBRO / RUĜKORAJ (en ludkartoj) | | | | | | SUBSTANTIVA FINAĴO / ERCMINEJ' | |
| FEMALARO | | | | | | RELIGIA ADORADO / NOBELA SINJORINO | | | | | | INTERNE (prepozicio) / „INSULOJ" EN DEZERTO | | |
| RIVERO EN POLLANDO | | | | | HALUCINACIA STAT' / SENTIGAS ADMIRON | | | | | | BELA INTERARANĜ' / DANĜERAJ MARROKOJ | | | |
| AŬTOSIMBOLO DE TAJLANDO | | KAMPAR' / RAPIDE MOVIĜIS | | | | | | RESANIĜI / EPOK', PERIOD' | | | | | | |
| NUMERALO | | | EKSAJ PASINTAJ / METALAJ PLATOJ | | | | | | KOMPATINDA MALRIĈEC' / SAMAĜA FRATIN' | | | | | |
| NENIA KVANTA CIFER' | | | | VETUR', EKSKURS' / MONATO | | | | | | IAM, UNUOKAZE / CELI, DEZIRI | | | | |
| TRAGIKAJ KATASTROFAJ | | | | | | | KONSCIAJ SONĜOJ / KONJUNKCIO (PLUS) | | | | | | SIMBOLO DE KALIO / PERSONA NEDIF. PRONOMO | |
| ĜOJE VOĈBRUAS | | | | | | DENTOJ SUR AKSO / PREFIKSO (parenceco) | | | | | | PARTICIPA SUFIKSO / KROME, PLIE (adverbo) | | |
| ALIA LUDKARTO | | | | | RONDA LIGNA UJ' / ROMANE „500" | | | | | | INTERNA / AKUZATIVA FINAĴO | | | |
| SIMBOLO DE SULFURO | | KEMIAJ ELEMENTOJ | | | | | | MORTIGIS SEN JUĜADO | | | | | | |

